Va jaro. — No 67 | Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) | 5 Decembro 1909

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro :* ***HECTOR HODLER***

ABONO

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

**Redaktejo & Administrejo :** *10, rue de la Bourse,* **GENÈVE (Svisujo).**



## Dum la lasta duonmonato

Laŭ jusa decido de sia Komitato U. E. A. havos sian laboran kongreson en Augsburg (Bavarujo) dum somero 1910.

Ĉie en Esperantio komenciĝas la repagoj de la kotizaĵoj por 1910 kaj la rebalotado de la Delegitoj.

Laŭ lastaj informoj el Teheran, Esperanto ekpenetras en Persujon.

## Pri speciala Kongreso de U. E. A.

La historio de la Esperanta movado klare montras kiamaniere iom post iom malgraŭ multe da malhelpajoj la esperantista organizado pli kaj pli pliboniĝadas. La unua periodo estis, — kiel Bein raportis dum la unua kongreso — la periodo de malfacila batalado de la rusaj pionirој kontraŭ indiferenteco kaj skeptikeco.

Post ĝi sekvis la franca periodo, kiu multe progresigis la aferon. Sekvis vizitoj de la angloj kaj najbaraj francoj kaj pro tio naskiĝis en la jaro 1905 la unua internacia kongreso en la malgranda Boulogne-sur-Mer, fama franca marbanejo, kie regis vigla esperanta vivado. Gin sekvis la internaciaj kongresoj 1906 en Genevo, 1907 en Kembriĝo, 1908 en Dresdeno kaj 1909 en Barcelono.

Dum ĉi tiuj kongresoj estis priparolataj ĉefe demandoj de propagando kaj organizado. Iom post iom naskiĝis diversaj fakaj societoj kaj dum tiuj kongresoj fakaj kunvenoj.

Kune kun la kreskanta disvastiĝo de Esperanto aperis poste la naciaj kongresoj kaj la limkongresoj, t. e., kongresoj, kiujn partoprenas Esperantistoj de diversaj najbaraj landoj, el kiuj ekzemple estas nominda la kongreso en Bukaresto, okazinta la pasinta someron. Ĝin partoprenis Rumanoj, Serboj kaj Bulgaroj; ĝi kaŭzis, ke la reĝino Karmen Sylva fariĝis Esperantistino.

Ju pli Esperanto disvastiĝis, des pli diverspecaj fariĝis la demandoj. pritraktitaj dum la kongresoj. La disponebla tempo estis kvazaŭ vesto, kiu baldaŭ estis tro malvasta al la kreskanta knabo. Ne nur la pritraktado de la ĝenerala propagando kaj la organizaj demandoj suferis, sed precipe la pritraktado de la fakaj.

Ĉar komence *la propagando* por Esperanto estis la ĉefafero; tamen baldaŭ pli kaj pli kreskanta nombro da personoj estis lerninta Esperanton kaj volis uzi ĝin kiel lingvon vivantan por siaj specialaj internaciaj celoj, kaj ili bezonis tial priparoladon internacian.

Dum la unua kuracista internacia kongreso en Budapest 1909 esperantistaj kuracistoj sukcesplene provis uzi Esperanton kiel kongreslingvon. Sammaniere la kristanaj unuiĝoj de junaj viroj aplikis Esperanton dum sia kongreso 1909 en Barmen la lastan someron. Per tio oni faris sukcesriĉan komencon. Ekzistas nenia dubo ke estonte pli kaj pli Esperanto fariĝos lingvo permesita por internaciaj kongresoj.

Antaŭ ĉio, oni devas pensi pri certaj profesiaj fakoj. Nun U. E. A. kunligas ĉiujn personon, kiuj volas apliki Esperanton ne nur profesie kiel internacian komprenilon sed ankaŭ tiujn, uzontajn ĝin por iaj celoj, precipe sur la vasta kampo del komerco, industrio kaj trafiko. Ne estas mirinde, ke kune kun la kreskado de tia organizo naskiĝis aro da diversaj demandoj.

Sed kiel ilin pritrakti? Jam en la Dresdena kongreso U. E. A. suferis pro manko da tempo; por la Barcelona kongreso la komitato nur elektis por la tagordo la plej gravajn kaj urĝajn aferojn. Sed ho ve! Ankaŭ tie ne estis je dispono la necesa tempo. Pro tio oni aklamis la inviton de l'Augsburga grupo por la jaro 1910, tiom pli ke nur malgranda parto de Eŭropaj Esperantistoj povos partopreni la estontan internacian kongreson okazontan en Ameriko.

Ĉiuj personoj, kiujn la ĝeneralaj propagandaj kaj organizaj demandoj ne tiel interesas kiel la demandoj pri la uzado de Esperanto por praktikaj celoj, personoj. kiuj ĝenerale malŝatas multajn kongresajn festojn akceptis ĉi-tiun inviton kun granda ĝojo. Ĉar ili volas kunveni por serioza praktika laboro, en kiu Esperanto ne estas celo sed ilo.

Per skriba voĉdonado oni konstatis, ke la komitato konsentis principe pri speciala kunveno de U. E. A. en Augsburg en la venonta jaro. Nun estos tasko de Esperantianoj, ke ili sciigu al la komitatanoj siajn proponojn por la tagordo. La Augsburga grupo estas tre vigla kaj ĝia direktado en lertaj manoj, tiel, ke oni povas esperi, ke la tiea organizo de la kunveno en 1910 estos perfekta. Oni do povas esperi, ke la kunveno antaŭpuŝos fortike ne nur la evolucion de U. E. A. sed ankaŭ de Esperanto kiu evidente estas lingvo vivanta, taŭga por praktikaj celoj. Tial antaŭen, ni komencu la laboron, por ke la kunveno en Augsburg bone prosperu!

Dro M. KANDT.

Ni petas la samideanojn, traduki la artikolon nacilingven kaj enpresigi ĝin en kiel eble plej multajn naciajn gazetojn.

# SOCIA VIVO

## GEOGRAFIO

### La Mapo de la Mondo Internacia konferenco en Londono

Internacia Konferenco konsistanta el reprezentantoj de diversaj fremdaj registaroj malfermiĝis la 15an de Nov. ĉe la Ministrejo de Fremdaj Aferoj en Londono, por konsideri la alprenon de iu unuforma sistemo por la mapo de la mondo.

En la nuna tempo ĉiu lando havas sian apartan signaron kaj terminaron, kaj nur spertuloj povas transkribi korekte mapon de la mondo faritan en iu lando krom la sia. Estas nenia kaŭzo, oni argumentas, kial nenecesaj malfacilaĵoj pri la legado de mapoj ekzistas kaj oni atendas, ke la konferenco tial akceptos iun internacian sistemon.

Oni kredas ke la konferenco daŭros ĝis la fino de la semajno. La diskutado estas privata. Kvankam kiel oni jam konstatis, ĝi okazas ĉe la Fremda Ministrejo, tiu fako de la registaro havas nenian koncernon kun ĝi krom la cedo de ĉambro por la kunvenoj, La oficiala partopreno en la afero estas aranĝata de la Ministrejo de la Milito.

C. F. B. (*London*).

### Nova grava inventajo La unurela fervojo

La 10an ĝis 15an de Nov. 1909 oni montris, en Berlino en la ekspozicia halo de l'Zoo modelvagonon de l'unurela fervojo. Jam merkredon 10an centoj da personoj, inĝenieroj, oficistoj, komercistoj, poste multaj registaranoj kaj granda amaso de publiko kolektiĝis por vidi la plej novan triumfon de la tekniko en funkciado. La principo de tiu-ĉi nova fervojo estas stabiliga aparato, kiu konsistas el giroj enkonstruitaj en la vagono, per kies turniĝoj la ekvilibro de l'vagono ĉiam estas garantiata, kvankam ĝi kuras kaj staras sur nur unu relo. La supereco de l'nova sistemo kompare al la kutimaj durelfervojoj estas rimarkinda: Senpuŝa kaj senskva kurado, plimalgrandigo de la danĝeraj (elreliĝoj), ebleco trakuri kurbojn eĉ tre mallarĝajn kun plej eble granda rapideco (ĝis 200 kilometroj pohore), tiaj estas la ecoj, kiuj inter aliaj, kaj krom la ŝparo de konstrumaterialo promesas al la unurela fervojo grandajn sukcesojn, precipe en la kolonioj kaj en vastaj, ĝis nun malmulte kulturataj teritorioj de Azio kaj de Ameriko.

La multnombra rigardantaro povis konvinkiĝi pri la fakto, ke vagono povas kuri kaj stari sur unu relo, sen ia alia apogilo. Kun pulsanta bruado, kondukate laŭ akaj fajfoj kaj elpuŝante la gvidon de l'fluikoptero, la motorvagono, kiu havis 5 1/2 metrojn de longeco, trakuris malrapide la vastan halon, haltis, rekuris, revenis, prenis kaj malprenis pasaĝerojn, sen ia ŝancelado; kaj ĝi donis la impreson de ia nekonata animalo, longa, kun lumorgano sur la frunto, kiam ĝi faris sian rondon sola kaj ne kondukata. Ĉiuj ĉeestantoj montris la grandan intereson, la senvortan miron, kiun ni konservas por eltrovoj de neordinara graveco, kies konsekvencajn ni ne tuj povas kompreni.

S-ro Augusto Scherl prenis la unurelvagonon kiel teknikan bazon por nova projekto de rapidfervoja sistemo por tuta Germanujo, montrinte ke la nunaj fervojoj nur ankoraŭ 12 jarojn povus sufiĉi al la bezono. Espereble baldaŭ ni havos pli detalajn priskribojn pri tiu-ĉi vere internacia afero.

W. M. (Berlin).

## AERVETURADO

### Kiel flugis la aviadistoj en Hamburgo. Aviado, mono, Esperanto

Ho! nun mi estas feliĉa! Vere! Certa sprita viro iam diris : Mi vidis Napolon, nun mi povas morti.

Laŭekzemple mi nun devas diri : Vidinte aeroplanon mi povas nun morti trankvile! Sed feliĉe mi ne estas spirita viro, pro tio mi konstatas, la fakton ke la aspekto de flugantaj homoj ne estis kapabla elturni mian cerbon el ĝia firma osta kovro.

Vere, eĉ multaj hamburganoj kun la konata malvarma sango ŝajnis eksteri iel sia dometo vidante la flugmaŝinojn tirantajn iliajn rondojn ĉirkaŭ la granda vetkuradkampo apud Hamburgo. Dum la tuta somero ni mizeraj nordlandanoj devis kontentiĝi je la gazetaj raportoj pri la grandiozaj miraklaj agoj de Zeppelin, Parseval, Bleriot, Latham kaj aliaj grandegaj herooj de la aero. Ni sentis nin tute ekster la kulturaj akiraĵoj de la jarcento. Fine oni trovis la kuraĝon aranĝi ankaŭ por la loĝantaro de la dua urbo de la germana imperio flugsemajnon. Intencis flugi du sinjoroj el Ĉilio, Sanchez Besa kaj Edwards, havantaj Voisinajn aparatojn (biplanojn). Sed ia unuan tagon la laŭdinda intenco ne povis efektiviĝi, ĉar ŝajne oni forgesis interkonsentiĝi kun Sankta Pe ro, la veterfaristo. Tiu ĉi neprizorge sendis tiel fortan venton, ke la flugistoj devis timi esti forportitaj nevole en tro malproksimajn landojn; pro tio ili preferis resti dome. La miloj da vidontoj alkurintaj per ĉiuspecaj movigiloj iris hejmen seniluziigitaj, sed ne senkuraĝigitaj. Venis la dua tago. Sro Sanchez Besa faris kelkajn sukcesplenajn rondojn, Sro Edwards volis imiti lin, sed li ne sciis eviti kelkajn grandajn pinojn starantajn proksime, kaj subite oni vidis lin sidantan sur pino kiel korvo kun pafvundita flugilo. Li mem povis savi sin, lerte derampante. Liaj lamaj flugiloj nur povis esti savitaj per la ĉionpovantaj fajrobrigadanoj alkurantaj kun longaj ŝtupetaroj. Ili malverigis la konatan vorton de Ben Akiba : « ĉio jam iam okazis ». Poste la meĥanikisto de Besa, S-ro Pequet, faris mirindan flugon, sed subite terurego tremigas la vidantaron, ĉar malgrandaj flamoj kaŭzitaj per petrolo el la motoro rapide detruis la tolajn supraĵojn de la aparato, faliganta ĝin en apudan marĉejon. Tiel malpura marĉo povas esti vivsavanto. Nun oni opiniis, ke la fama flugsemajno trovis tro fruan malgajan finon, ĉar la aranĝantoj ne sukcesis dungi aliajn famajn aviadistojn, kiuj estis ligitaj aliloke aŭ postulis troan pagon. Tamen venis savinto de la negoco, nome la plej juna el la aviadistoj, la germano Grade, kiu jus gajnis en Berlino la premion de Lanz da 20,000 Sm. Li venis, vidis kaj vekis senfinan entuziasmon ĉe la vidintaro, kiu nun dum kelkaj tagoj grandamase admiris la flugarton de sia samlandan. Sro Grade nun estis kreanta la antaŭ kelkaj tagoj ankoraŭ neestantan famon de la germanoj rilate la aviado. Kun mirinda facileco li direktis sian monoplanon similantan al maldika libelo. Jen li iris supren, jen malsupren jen dekstren. Oni povis kredi, ke la aparato estis memvola kreitaĵo.

Jes, ni devas miri pri la obstineco, per kiu la homoj dum la lastaj malmultaj jaroj laboris je la almilito de la aero. Ĉu ne koncentriĝis la homa intelekto sur tiu ĉi unu punkton, kvazaŭ la bonfarto de la tuta homaro dependus eble iom de la malfruigita perfektigo de la flugarto?

Tiu celado ŝajnas al mi kiel speco de malsano turniganta la spiritajn fortojn ĉirkaŭ unu punkto. La homoj entuziasmiĝas je la grandioza penso, ke ili povas nun vetflugi kun la graciaj hirundoj, ne konante plu nek limon nek tempon. Sed ni pripensu iomete trankvile kaj serioze. Ĉu ni devas esti tute konvinkitaj pri la senlima utilo de la flugarto por la bono de la homaro? Mi ne volas kritikaĉi, sed mi humile opinias, ke oni troigas la atendotan utilon por la interrilatoj de komerco kaj scienco. Eble kelkaj riĉaj nelaboremaj homoj nun havos alian danĝeran sporton dum kelkaj jaroj, kiun la popolo ne povas havigi al si. Sed daŭros certe ankoraŭ multajn jarojn, ĝis kiam oni povas ĝenerale uzi la novajn veturilojn por vojaĝi kaj transporti komercaĵojn. Mi ankaŭ tre dubas, ĉu tiu ĉi transportmaniero estos iel pli konsilinde apliki al pli indaj celoj la spiritfortojn kaj kapitalojn nun dediĉitajn al la flugarto? Ni bezonas nur citi la elektron. Multege da inĝenieroj devas ankoraŭ labori por malkarigi tiun ĉi benriĉan forton por sennombraj specoj de homa laboro. Ni citas alian aferon, kiun ni esperantistoj prilaboras kun la sango de nia koro, la aferon sanktan de Esperanto. Se oni nur donus la dekan parton de la kapitalo fordonita por la flugarto, la progresoj de la homaro estus dum mallonga tempo nepriskribeblaj.

Kion ni povas lerni de la flugartistoj? Ni laboru pluen dum sama obstineco, por ke ni baldaŭ lernu flugi per niaj spiritaj fortoj trans la marĉoj de nescio kaj inercio kaj malbonvolo!

V. (Del. Hamburgo),

## EKSPOZICIOJ

### En Torino prepariĝas granda internacia ekspozicio

Torino, la bela kaj industria urbo, kiun kisas la Po kaj zonas la ĝentilaj montetoj, prepariĝas al la granda fakto: la internacia ekspozicio, kiu okazos en 1910-1911. Tiam Romo ankaŭ imitos Torinon, sed tie ĉi la triumfo de la industrio, tie de l'arto. La ĉarma parko de Valentino rapide aliformiĝas; en la verdaj herbejoj, kien hieraŭ kuris centoj da infanoj ekkriantaj, hodiaŭ multnombraj laboristoj altigas palisojn; en la trankvilaj aleoj, kie la amantoj murmuradis la dolĉajn amparolojn, nun bruas la radoj de cent ĉaroj, resonas la voĉoj de l'senlacaj laboristoj, la mil sonoj de la iloj.

La granda ekspozicio kuŝas sur la du bordoj de Po kaj ĝiaj konstruaĵoj estos ĉiuj en stilo de l'XVIIa kaj XVIIa centjaroj: kvar pontoj, krom la du nunaj, kunigos la du bordojn. En stilo de l'franca renesanco, la Palaco de la modo, kiu enhavos serion da ĉambroj diversstilaj, estos la montrejo de la vestoj, konfidotoj ne al rigidaj stupaj kvazaŭhomoj, sed al ĝentilaj fraŭlinoj. Dekstre, la palaco de la artaj industrioj, maldekstre la precipa grupo de konstruaĵoj, kiu enhavos la internacian galerion de la elektro, en kiu oni vidos en agado la plej grandajn nuntempajn inventaĵojn; la galerio de la muziko, la galerio de l'laboro, la koncertsalono (kiu en havos du mil aŭdantojn). Ankoraŭ la galerio de la maŝinoj laborantaj kaj la montrejo de la presilo.

Anglujo partoprenos al nia ekspozicio kun granda eleganta konstruaĵo, kaj flanke turo por la anglaj kolonioj, precipe Kanado kaj Aŭstralio. De tie ĉi per kvarobla ponto, larĝa 25 metrojn, oni iros al « Akvo-Kastelo » akva vualo, dividita en triobla kaskado, malsupreniros el la centra niĉo kaj oni kreos mil kolorajn efektojn. Maldekstre de ĝi, la konstruaĵo de Francujo, kun grandaj kupoloj kaj ankoraŭ Belgujo, kies palaco imitas la flamandan stilon. Pli malproksime altiĝos la konstruaĵoj de Brazilio kaj Argentino.

Dekstre de la « Akvo-Kastelo », staras la germana sekcio kaj la blanka dometo de Siamo: de tie ĉi la vizitantoj, per granda tunelo, pasos al parko de l'amuzaĵoj, poste al la galerioj de la lokomovojo, kaj fine per barkponto al la regiono Pilonetto, en kiu altiĝos tre granda grupo da konstruaĵoj por ĉirkaŭ 60.000 kvadratmetroj: estos la ekspozicioj de l'Italoj alilande vivantaj, de la terkulturo, de l'terlaboraj maŝinoj, de l'sportoj... Tia estos la projekto al kiu zorge laboradas niaj inĝenieroj, la « granda internacia Ekspozicio de Torino », por kiu prepariĝas milo da fabrikoj en la tuta mondo.

Ni sole, Esperantistoj, restos senmovaj? Tiu ĉi estos bona okazo por disvastigi Esperanton. Kion povos fari U. E. A.? Tion ĉi mi ekzamenos en baldaŭa artikolo.

M. de Balzac (Del. Torino).

## KONGRESOJ & FESTOJ

### Ĝu oni devas flegi la idiotulojn? « Ne », diras la urbestro de Plymouth

Publika kunveno por pritrakti la flegadon de idiotuloj okazis lastatempe en Plimouth (Anglujo). La Prezidanto, Sir Charles Radford, legis leteron skribitan de la urbestro, S-ro A. Edmund Spender, kiu ne povis ĉeesti, en kiu li forte kaj insiste montris la gravecon de solvo de la demando, « se ne ni baldaŭ vidos la viran povon de la regno ruinigitan de kulpa nezorgemeco ». « Mia propro opinio » li aldonis, estas ke kunmetado de idiotuloj en apartaj institutoj estas nur la « alpha » de nia devo. Ni malŝparas milionojn da mono, konstruante kostajn domegojn en la plej sanigaj lokoj, pagante grandegajn oficistarojn, kaj aĉetante manĝaĵojn. Por kia celo? Por ebligi la vivon al tiuj, kiuj ne havas kaj neniam poste havos eĉ unu eron de inteligenteco — tion oni nomas humaneco. La kuracista scienco tiel forte antaŭeniris, ke estas eble submeti tiujn idiotulojn al sendolora morto, kaj ilin liberigi el la purgatorio de l'seninteligenteco. Prefere la monon nun tiel malavare malŝparitan elspezu por projektoj similaj al tiuj adoptitaj de la Societo por la Helpo de Patrinoj, Patrinecaj Hejmoj kaj la Instituto por la Flegado de Infanoj. Tiam nova aŭroro por homoj aperos. »

Lia urbestra moŝto finis per: « Mi konscias ke mi submetas min al kritikemo. Tion faras ĉiuj, kiuj havas la kuraĝon malkaŝe esprimi siajn sentojn pri arĥaikaj institucioj kaj praktikoj. Mi estas preta esti trapafita per mallaŭdo pro tio, ke mi opinias ke la procedo, kiun mi rekomendas, rigide kontrolita, estus la plej humana. Ĝi tute certe estas la plej malfreneza. »

Post la legado de tiu letero Pastro Doktoro Binns forte kontraŭstaris la proponon, kiel antaŭkristana.

C. L. Dean (London).

## ARTO

### La reviviĝo de la artfajenco en Holando

La nomo Holandujo jam estis bone konata de multaj diversaj popoloj de la tuta mondo antaŭ du jarcentoj. La vastegaj komercaj interrilatoj kiuj kunligis la Amsterdamajn komercistojn kaj artistojn kun la popoloj de Eŭropo, fluigis grandajn trezorojn en tiun ĉi landon kaj kaŭzis ke arto kaj scienco floradis ĝis nekonata forteco. La pentraĵoj el tiu tempo ĉiam pli kaj pli valoras, tiel ke en la nuna tempo nur monreĝoj povas akiri la famajn antikvaĵojn kontraŭ sia oro. Post tiu fama tempo de prospereco, sekvis kiel ni ofte povas rimarki en la historio de la mondo, tempo malprospera kiu daŭradis ĝis la mezo de la pasinta centjaro.

Tiam la vigla energia holanda spirito reviviĝis, kaj la renaskiĝinta gento dezirante reflorigi la ĉiekonatan Holandan gloron, fervore laboradis. Tute serioze ili studadis la diversajn branĉojn de scienco, arto, komerco kaj industrio, kun la ĝojiga rezultato, ke hodiaŭ multaj eksterlandanoj kun miro kaj admiro rigardas la progresojn de la fervoruloj el tia sensignifa landeto. Sub la aŭspicio de artistoj kiel Israëls, Bosboom, Mauve Roelofs, Mesdag k. t. p. la pentrarto atingis novan gloran. La nomoj de skulptistoj kiel Toon Dupuis, Pier Pander k. a. nur estas elparolataj kun profunda honoro. Samtempe la maljuna fajencarto denove reviviĝis. La belegaj, subtilaj modeloj kaj desegnaĵoj de la Gaŭda kaj Delfsa fajenco facile trovis aĉetantojn tiel en la patrujo kiel en la eksterlando kaj nuntempe ne sole la posedantoj de bone provizitaj monujoj povas ĝui tiujn artistajn produktaĵojn, sed ankaŭ la mezklasanoj kaj eĉ niaj malbonfavorigitaj gefratoj povas ornami siajn hejmojn per objektoj, allogaj kaj vidindaj per siaj simplaj formoj kaj kvietaj koloroj, kiuj elmontras la florojn en ilia tuta beleco. En ĉiu Holanda arteksponzicio grava loko estas dediĉita al la vere artaj fajencoj. Artmagazenoj estas ornamitaj per tiuj allogaĵoj kaj eĉ la florvendistoj, kies vastegaj magazenoj oni nur povas trovi en Holandujo, kaj speciale en Hago, bone komprenas la profiton kiun portas al ili la belaj flor-vazoj el verdgrizaj aŭ varmbrunaj koloroj. Se oni volas konatiĝi kun tiuj Holandaj produktaĵoj el la Haga fabrikejo, oni sin turnu al subskribinto kiu volonte denos informojn al siaj eksterlandandaj gesamideanoj pri la artfajenco de Holandujo.

J. F. v. Dam.

## IDEOJ & FAKTOJ

### La proceso de Zagreb kontraŭ kroatoj. — Monda skandalo. — La belaĵoj de ŝovinismo.

En Kroatujo kiu estas parto de hungara krono, batalis fratmortige de longe du slavaj nacioj, Kroatoj kaj Serboj inter si reciproke. Dum la pasinta jaro oni komencis zorgi pri repaciĝo de indignitaj slavaj fratoj. Tio malagrable impresis la hungaran registaron, precipe kiam ĝi ekvidis la pligrandiĝantan nacian rekonscion kaj rimarkis amikajn rilatojn de kroatoj kaj serboj en Kroatujo kun fratoj en Bosnio, Herzegovino kaj Serbujo. Estis bezona interrompi tiun sanigan movadon kaj pereigi tiun rekonscion. Tial la registaro elpensis jenan planon : ĝi subaĉetis dungitojn, mendis spionojn kaj tiel sukcesis jam dum somero de pasinta jaro « malkovri » en Kroatujo: grandan « konspiron », kiu laŭdire klopodis forŝiri Kroatujon, Bosnion, Herĉegovinion, Dalmation de Aŭstrio kaj aneksi tiujn landojn al Serbujo — unuvorte kiu laŭdire klopodis « por serba ŝtata ideo ». Sekve de tio estis arestitaj jam antaŭ la anekso de Bosnio, en la pasinta jaro, 53 eminentaj Serboj, akuzitaj pro regna perfido, ĉar perfidulo estas laŭ ŝovina tendenco ĉiu serbo, kiu batalas por sia nacio. La proceso kun arestitoj estis sensacia kaj kaŭzis atenton de tuta Eŭropo; la akuzantoj furiozis en ĝi ekstreme. La proceso de Zagreb daŭris 7 monatojn kaj dum 150 tagoj oni juĝis; ĉirkaŭ 300 atestantoj estis aŭdataj. Defendantoj proponis aŭskulti 824 atestantojn, sed la tribunalo rifuzis kelke da centoj de ili. Senmotiva plendo estis deklarita en 2150 okazoj. La defendantoj devis pagi 2530 kronojn (105 $) da disciplina monpuno. La verdikto estis deklarita la 7. de oktobro matene. Estis kondamnitaj 31 kulpigitoj pro regna perfido; du je 12 jaroj de severa malliberigo, unu je 8 jaroj, 3 je sep jaroj, 10 je ses jaroj, 15 je kvin jaroj de severa malliberigo pro laŭdira regna perfido. La verdikto kaŭzis malaprobon de fama angla publicisto, S. W. Seton Watson (Scotus Viator), aŭtoro de ĉie konata libro « Racial Problems in Hungary » kiu eldonis broŝuron « Absolutismo en Kroatujo », kiu estis en Hungarujo konfiskita pro « ribelo kontraŭ publika paco ». En la tuta civilizita mondo kaj disvastiĝos malbonan famon, cetere jam de sanga katastrofo de Černova ĉie konatan, pri barbara kaj drakona tiea juĝado... Senkulpaj homoj estis malliberigitaj pro honesta klopodo pri progreso kaj repaciĝo de Serboj, kun Kroatoj. Vera monda skandalo koncerne ŝovinismo kaj perforteco. Kiu intervenos? Tie en malvarma nordo vivas granda homo, krom L. N. Tolstoj unu el plej noblaj viroj de samtempa Eŭropo — norvega verkisto kaj politikisto B. Bjœrnson, nun 78-jara maljunulo. Pro sia vireca interveno por utilo de malfeliĉaj hungaraj slovakoj kaj nun por utilo de malliberigitaj Serboj en Zagreb li atingis mondan popularecon. Granda filo de libera norvega nacio batalas por libereco kaj justeco ĉie en la mondo, kie

estas tio bezona; li ne apartenas al tiuj malfortaj homoj, kiuj demetas idealojn kaj ĉesas batali por humaneco tuj kiam ili mem vivas en bonstato. Nun li loĝas malsana en sud-norvegaj banoj en Larvik, sed tie estas tamen Bjœrnson energia, noblanima, pioniro de humaneco. Li estas malsana, sed apud li kuŝas gazetoj el Zagreb, por ke li havu ĉiam informojn pri ŝovinisma proceso kontraŭ serboj. Li vive interesiĝas pri ĉio, pri malfeliĉaj, simplanimaj hungaraj slovakoj, pri Rutenoj en Galicio, pri bohema nacio en Bohemujo kaj Vieno k. t. p. Ni esperu, ke li resaniĝos. La landaj okuloj de maljuna Bjœrnson ankoraŭ longe observas la mondon, energia kapo kun blankaj haroj fiere leviĝos kaj tondranta voĉo dè popola tribuno ne permesos dormi al subpremantoj.

Okazis, ke dum internacia kongreso de kuracistoj en Budapest parolis en higiena sekcio kuracistino Wistein el New-York pri trouzo de alkoholo kaj tuŝis terurajn, malhigienajn, kontraŭkulturajn cirkonstancojn en Hungarujo. Sur bazo de sia rilato kun infanoj de elmigrintoj el Hungarujo, precipe kun la slovakaj, kaj sur bazo de statistikaj datoj ŝi montris la malgrandan civilizacion de elmigrintoj, kiun ŝi klarigis al si nur tiam, kiam ŝi per propraj okuloj ekvidis Hungarujon, kie la popolo ne povas lerni, ĉar en 90 % ekzistas neniaj lernejoj, kie oni permesus instrui per gepatra lingvo. Tion *deklaris la virino*, kiu sola havis energion diri sincere plenan veron publike antaŭ ĉiuj kongresanoj, dume ĉiuj aliaj parolis sensencajn frazojn pri « progreso kaj kulturo » en Hungarujo.

Interesa estas, ke dum la internacia kuracista kongreso en Budapest la hungaraj gazetoj kaj ĵurnaloj disvastigis raporton, ke oni donis pardonon al ĉiuj kondamnitoj en proceso de Ĉernova. Estas konata tiu terura proceso kaj ĝia motivo: Malriĉaj vilaĝanoj de Ĉernova konstruigis por si preĝejon el siaj monkolektoj kaj donacoj. Ili volis, ke la preĝejon sanktigu la estinta paroĥestro de Ĉernova, slovaka pastro Illinka, sed ŝovinista hungara episkopo Parvy, konata per sia senmorala vivo, ne plenumis tiun pravan postulon de malfeliĉa popolo, kontraŭe li ordonis, ke la preĝejo estu sanktigita de pastroj hungaraj; vanaj estis ĉiuj petoj kaj protestoj. La magiara episkopo sendis kvar magiarajn pastrojn kun 18 ĝendarmoj por sanktigi (?) slovakan preĝejon, konstruitan de slovakoj por slovakoj. Kiam la kaleŝoj kun pastroj ne povis traveturi amason de popolo, kunveninta antaŭ la preĝejo, la pastroj kriis: Nur antaŭen (Csak elœre!). La kaleŝo enveturis rapide inter la popolon, tiel ke kelkaj homoj estis faligitaj. Unu vilaĝano volis haltigi la ĉevalon sed en tiu momento magiara komandanto de ĝendarmoj, Pereszlemji, ordonis: Ekpafu! La rezultato estis terura: 15 mortintaj, preskaŭ 100 vunditaj kaj multaj arestitajn homojn, tion kostis sanktigo de unu slovaka preĝejo en Hungarujo. La tuta civilizita mondo estis emociita. Sed la magiara registaro en parlamento aprobis la agadon de pastroj kaj ĝendarmoj kaj priskribis tiun katastrofon (okazis 27 de oktobro 1907) kiel ribelon de vilaĝanoj kontraŭ estraro, certiginte, ke pastroj kun ĝendarmoj iris sole kvietigi la popolon. En sekvinta, skandala proceso, kie ĉiu justeco estis perfortigita, la magiara tribunalo kondamnis (la 10 de marto 1908) preskaŭ ĉiujn akuzitojn pro laŭdira ribelo en malliberejon kaj punlaborejon, kvankam oni ne pruvis ilian kulpon. Laŭ tiu kruela verdikto estis 19 jara virino S-ino A. Fullova kondamnita al 3 jara restado en punlaborejo, S-ino Koŝakova kun du kulpigitoj estis kondamnitaj al punlaborejo dum 2 jaroj kaj poste al malliberejo dum 3 jaroj; per 18 monata malliberigo estis punitaj 3 personoj, per dekdumonata 11, okmonata 8, sesmonata 15, kvarmonata 1 persono kaj nur 6 personoj estis liberigitaj! Kia barbareco! Do al tiuj malfeliĉaj, maljuste suferantaj akuzitoj oni donis pardonon laŭ gazetoj. Sed nun montriĝis, ke tiu raporto estis malvera, celanta trompi la humanajn kongresanojn, ĉar granda plimulto da la kondamnitoj devos suferi en malliberejo ĝis la fino. Tiel ekzemple la fratino de pastro Illinka devos resti ne malliberejo dum 3 jaroj, Andreo Sliaĉan dum 1 1/2 jaro k. t. p. Nur al 20 kondamnitoj kun la plej malgrandaj punoj, kiuj cetere jam estis plejparte finitaj, oni « donis pardonon ». Monda skandalo! Tiel barbare oni agas kun slovakoj. Magiaraj poezio, arto, muziko ĉerpas el riĉa fonto de slovaka popola animo, ja de slovaka lingvo ili transprenis multajn por kulturo tre signifoplenajn vortojn koncerne agrikulturon k. t. p. Ne mirinde, slovakoj nepre ludis en malnova Hungarujo tre gravan rolon ne sole politike, sed ankaŭ rase kaj kulture; eĉ la plej grandan politikiston, Lajosz Kossutk-on kaj poeton Petœfi Hungarujo ricevis de nacio slava, de Slovakoj. Kaj por tiu kultura kaj vivoplena slovaka popolo estis kreita la sentenco « slovako ne estas homo » (Tot nem ember), legebla en ĉiu hungara gazeto. Feliĉe, oni ne povas tutan nacion kulpigi pri malhumaneco kaj nekulturo, oni scias, ke inter Magiaroj same kiel inter ĉiu nacio estas ankaŭ homoj eminentaj, humanaj kaj justaj, kiuj neniel estas kulpaj pri la ŝovinista ŝtata politiko, direktata de feŭdala oligarkio. Ni nepre evitu inciti unu nacion kontraŭ la alia! Tiel mia artikolo devas esti esprimo de nenia malamo kontraŭ Magiaroj, sed esprimo de protesto kontraŭ nacia ŝovinismo, mensogo kaj perforto, kontraŭ kiuj ni ĉiuj konsciaj Esperantistoj komune batalas.

Nebuŝka (Praha).

## PEDAGOGIO

### Akademia informejo en Berlino

Ĉe la « Kœnigliche Friedrich-Wilhelms-Universitœt » (Reĝa Frideriko-Vilhelmo-Universitato) de Berlino estas organizita *oficiala* Akademia informejo, kiu havas la taskon, esti centrejo por ĉiuj informoj de scienca speco, kiuj ŝajnas konvenaj, esti utilaj al la studentoj por iliaj studadceloj kaj precipe ankaŭ al la eksterlandaj studentoj profitigi ilian restadon en Berlino. Ankaŭ aliajn personojn, kiuj vizitas Berlinon pro sciencaj kaŭzoj, ĝi volonte helpados por la atingo de iliaj celoj.

La informoj sin rilatas al ŝtataj, urbaj kaj privataj institutoj por la flegado de scienco kaj arto en Germanujo kaj eksterlando. Krom tio studentoj, kiuj deziras viziti aliajn universitatojn, kaj scienculoj, kiuj estas farontaj studadvojaĝojn, ricevas laŭcelajn informojn.

La informejo troviĝas en la Universitatdomo, Berlin G. 2, Platz am Opernhause, kaj estas malfermata je la semajnotagoj de la deka ĝis la unua kaj duono (10-1 1/2) antaŭtagmeze. La informoj estas donataj senpage. Al skribaj demandoj oni devas aldoni la sendkoston.

## La Faktoj

1 *Novembro.* — Romo. — En Vatikano okazas la inaŭguro de la trezorejo de la Baziliko de Sta Petro.

Berlino. — Inaŭguro de Monumento al Teodoro Mommsen.

2. Aantverpeno. — Rougier sur la aviadkampo atingas 270 metrojn de alteco.

3. Kopenhago. — Ministrestro Zahle prezentas novan ministraron al la deputataro.

4. Tokio. — Solena enterigo de princo Ito.

7. Vieno. — La Asocio « Konkordia » de gazetistoj kaj literaturistoj, festas la 50an datrevenon de sia fondo.

8. Madrido. — Brulado detruas tetraon « Zarruela ».

Barcelono. — Reĝa dekreto restarigas la konstituciajn garantiojn en la provincoj de Barcelono kaj Gerono.

9. Londono. — Sir John Knill solene eniras en sian urbestran oficon.

11. Brescia. — Generalo Asinaridi Bernezzo faras alparoladon kontraŭ Aŭstrio dum militista ceremonio. Li estas tuj eksigita de la ministraro.

12. Londono. — La oka internacia ekspozicio de aŭtomobiloj estas malfermita.

Peterburgo. — La Dumo reelektas kiel prezidanton Komiakoff.

13. Parizo. — Oni absolvas Margariton Steinheil, vidvino de la pentristo inside mortigita.

Spring Walley. — Terura katastrofo en karbminejo: 400 personoj pereas.

Konstantinoplo. — Deputataro inaŭguras la duon kunsidaron.

Barcelono. — Alveturo de la respublikana deputato Lerroux, akceptita entuziasme.

15. Milano. — Inaŭguro de internacia ekspozicio de Aviado.

Buenos-Ayres. — Oni proklamas la sieĝstaton sekve de la mortigo de la policprefekto.

Londono. — Alveturo de la Reĝo de Portugalujo.

Teheran. — Oni malfermas la novan persan deputataron en ĉeesto de la juna Ŝao.

Adana kaj Trebisonda. — La urboj estas superakvitaj sekve de teruraj pluvegoj.

Stokolmo. — Oni anoncas ke la premio Nobel por la fiziko estos dividita inter Vilhelmo Marconi elpensinto de la radiotelegrafo kaj Karlo Ferdinando Braun el Strasburgo kiu studis la saman temon.

16. Parizo. — Mortas muzikisto Francisko Thomé. — En la granda amfiteatro de la Sorbono okazas solena akcepto al la polusa esplozisto Shakleton farita de la Geografia Societo.

17. Tokio. — Princo Yamagata estas nomita prezidanto de la privata Konsilantaro anstataŭ princo Ito.

18. Helsinfors. — Cara dekreto disigas la Finlandan Dieton (deputataro).

19. Bruselo. — Komenco de la oficialaj festoj pro la 75a datreveno de la fondo de la libera universitato.

Chalons-sur-Marne. — Aviadistoj Latham kaj Paulham atingas per aeroplano la altecon da metroj 360 kaj 410.

20. Romo. — Ministroj Tittoni kaj Jonkheer Henriko de Welde subskribas la ĝeneralan traktaton de arbitracio inter Italujo kaj Holando.

23. Kanaria insuloj. — Elsputado de vulkano de Tenerifa, kiu ŝajnis jam estingita.

24. Parizo. — Deputataro aprobas socialan leĝon kiu garantias la oficon al kiu ajn laboristino dum la akuŝa periodo.

A. Tellini.

## Niaj Felietonoj

Post la ŝatita kaj impresiga traduko de nia kunlaboranto D-ro Ostrovski: *Rakonto pri sep pendigitoj*, de Leonid Andrejev, ni de la proksima No komencos publikigi spritan kaj fame konatan verkon el itala lingvo nome

**LA KATO**

de D-ro Johano RAJBERTI

Ni ne dubas, ke ĉiuj niaj legontoj ŝatos tiun spritan verketon, kies traduko estas ŝuldata al nia kunlaboranto *A. Tellini*, el Bologna.

## Esperantaj Festoj

Baldaŭ la 50-a naskiĝotago de nia majstro, Kristnasko kaj aliaj festoj solene kuniĝos la grupojn. La granda zorgo pri konvena aranĝo de tiaj festoj, pri novaj propagandiloj altirantaj la atenton al nia movado estas nun plifaciligita per la klopodoj de l'Universala Esperantia Librejo en Genevo, kiu krom ĉiuj ŝlosiloj, libroj k. t. p. liveras je modestaj prezoj insignojn ĉiuspecajn, lampionojn, girlandojn, ventumilojn k. t. p. Luksa, originala kaj samtempe utila donaco estas la horloĝo: L'Espero, je 12. 65. Sm. afrankite, pli malmultekoste, nur 60 Sd. afr. estas la Murkalendaro, novaĵo de tiu ĉi jaro, kiu meritas esti disvastigita en ĉiuj esperantaj familioj.

# TRA LA MONDO

## BERN

Sur alta roko ĉirkaŭita je tri flankoj de l'blu-verda rivero Aare, frunte de l'alta alparo, staras fiere la malnova ĉefurbo de Svisujo: Bern kun siaj 80,000 loĝantoj. Ĝi ne estas la plej granda urbo de l'lando, sed kiel politika centro, pro la grava historia estinteco kaj kiel ĉefurbo de l'samenomita granda kantono ĝi ludas eminentan rolon inter la svisaj urboj. Somere kaj vintre ĝi estas vizitata de multaj fremduloj kiuj krom la urbon admiras la ŝanĝoplenajn ĉirkaŭaĵojn kie verdaj montoj, tute proksimaj grandaj arbaroj kaj precipe la bela elvidaĵo al la neĝokovritaj Alpoj invitas al promenado. La urbo mem, fondita je 1191 de l'duko de Zæhringen, estas preskaŭ tute konstruita el sabla ŝtono; konservinte multajn malnovajn turojn, gotikan ĉefpreĝejon kaj aliajn tre rimarkindajn konstruaĵojn, precipe el la 17a. kaj 18a. jarcento, ĝi havas tute specialan svisan karakteron. Ambaŭflanke de la larĝaj ĉefstratoj estas arkadoj en kiuj oni promenas admirante la elmontraĵojn de la



magazenoj, protektita kontraŭ la somera varmeco, la pluvo kaj neĝo. La urbo estas speciale konita pro la beleco de siaj fontoj kiuj staras meze en la stratoj kaj estas ornamitaj per pentritaj ŝtonaj statuoj, kiel la justeco, la pafisto, arbaletisto, la sovaĝulego manĝanta infanojn k. t. p. Tamen por multaj aliaj vizitantoj la ĉefaj aferoj estas la grandega restoracia kelo de l'grenejo kun siaj pentraĵoj kaj la bone konita ursa foso. La urso, la simbolo de la berna forteco kaj konstanteco, estas en la urba blazonŝildo sed ankoraŭ troviĝas ĉie aliloke.

Bernanoj kaj ursoj estas nesepareblaj, la afabla besto estas pentrita ĉiumaniere, skulptita en ŝtono, oro, argento kaj ligno, modeligita el sukero, el ĉokolado, el spicaĵoj; oni vidas ĝin sur la ŝtataj palacoj, sur la lanternoj, sur la manumaj butonoj de l'loĝantaro kaj fine en kelkaj bonaj vivantaj ekzempleroj en la foso malsupre de l'urbo. Jam de multaj jarcentoj la ursoj loĝas en Bern, la nuna foso ebligas sen-



danĝere admiri la bestojn kiuj per dancoj aŭ aliaj amuzigaj artifikoj mendetas karotojn, oranĝojn aŭ aliajn manĝaĵojn.

Ke Bern kiel ĉefurbo estas riĉa je publikaj konstruaĵoj kaj muzeoj, ke komfortaj hoteloj, teatroj kaj muzikistaroj zorgas por agrabla restado de l'vizitanto estas memkomprenebla. En la plimulto de la hoteloj et magazenoj oni bone parolas la germanan kaj francan, ofte ankaŭ la anglan lingvojn. Kvankam tiamaniere la problemo de internacia komprenigado estas iom solvita kaj malgraŭ multaj malfacilaĵoj ekzistas tie ĉi vigla esperanta grupo kiu ĉiam tre ŝatas akceptis fremdajn gesamideanojn. Pli ol cent alvenantaj kaj forirantaj vagonaroj el kiuj multaj kun direktaj vagonoj por Germanujo kaj Francujo ebligas rapidajn interrilatojn; post 4 jaroj oni finos la grandegan tunelon tra Alparo kiu per la vojo de Basel aŭ Delle-Bern-Simplon kunigos plej proksime multajn eŭropajn urbegojn kun Italujo Tiam, je 1914, oni ankoraŭ aranĝos en la urbo la svisan nacian ekspozicion. Do, kara samideano, se iam vi havas tempon kaj volas viziti interesan urbon aŭ trovi ripozon en la montaro, venu Bernon kaj en la Bernan Oberlandon.

St.

## Varietea[1] Esperantista Ligo

La plej nova kaj grava progreso en nia movado estas la fondo de l'Varietea Esperantista Ligo de S-roj kaj K. Schwarz.

Ekzistas eble nenia profesianaro, kiu tiel grave sentas la diverslingvecon inter la popoloj kiel precipe la varieteanaro; la diverslingvecon, kiu ne nur malfaciligis, sed ofte malebligis al varieteaj artistoj, vojaĝi eksterlanden kaj prezenti al la homaro siajn artifikojn akiritajn dum longaj jaroj.

La lingvaj malhelpaĵoj kontraŭstariĝantaj al artistoj en eksterlando estas nekalkuleblaj. Oni konsideru, kiajn malfacilaĵojn ĉiutage devas venki direktoroj, agentoj, reĝisoroj, kapelestroj kaj la artistoj nune ĉe alveno en la teatro, ĉe provoj, ĉe konstruado de aparatoj, ĉe kontraktoj ktp., kaj plue, ke la eksterlando al kelkaj artistoj, ekzemple humoristoj, komikistoj, paroladistoj ktp., eĉ por ĉiam restas fermata.

Pro tio la ideo de S-roj Schwarz trovis favoregan akcepton. Ĉiuj ekkonis tuj la utilon de interkomprenilo precipe por varieteaj artistoj, kaj ili kunariĝis por per komuna laboro forigi la barojn limigintajn ĝis nun ilian migradan liberecon. Tiamaniere okazis, ke la ligo, nur ekzistanta depost kelkaj semajnoj, jam havas grandegan membraron. Artistoj el diversaj landoj jam fariĝis membroj. Ĉiutage kreskas la nombro de la varieteaj esperantistoj kaj multe da petoj pro informoj pruvas la ĉiean vivan intereson. En la germana artista faka gazeto « Das Programm » en Berlin jam aperas laŭdezire la duan fojon instruaj lecionoj.

Sed por ke la liganoj jam nun havu efektivan profiton per la ligo, oni interrilatis kun U. E. A. pro la organizado. Kiel fakan gazeton oni intencas elekti la gazeton « Esperanto ». Krome oni komencis starigi informejojn en ĉiuj grandaj urboj de l'mondo. La informejoj estas je dispono de l'liganoj. Ĉi tie oni donos konsilojn kaj informojn pri ĉiuj esp. aferoj, oni faros tradukojn — ekzemple de kontrakoj ktp., el naciaj lingvoj en esp. kaj el esp. lingvo en naciajn lingvojn, oni instruos pri ĉiuj fakaj sciigoj el la faka gazeto ktp. Kiel granda estas la bezono pri tiaj aranĝoj pruvas la cirkonstanco, ke la informejo en Berlin jam en la komenco de l'starigo havis grandan klientaron. Oni jam okupis sin ankaŭ pri la instrua demando, kiu estas tiom pli malfacila, ke artistoj ĉiam jam post kelksemajna restado forlasas lokon. Sed ankaŭ en ĉi tiu rilato oni jam projektis planon promesantan, ke ankaŭ tiu ĉi tasko baldaŭ estos solvita. Ekz. oni preparas lernolibreton por la samideanaro. Ĉi tiu lernolibreto enhavas ankaŭ frazaron el artista faka vivo. La artistoj baldaŭ havos okazon apliki siajn esp. sciojn, ĉar kelkaj varieteaj direktoroj promesis estonte nur dungi esp. istajn sekretariojn. Kiel simpla la tuta artista vivo estonte estos oni ne bezonas klarigi. Ankaŭ la interparolado inter kolegoj, kiu nun tre ofte ne estas ebla pro la diverslingveco, estonte plibone prosperas kaj la kolegeco per tio progresas.

Por ke kiel eble plej multaj personoj povu aliĝi al la ligo, oni fiksis la kotizaĵon je 2,50 Sm. por pasivaj membroj. Aktiva membro povas fariĝi ĉiu societano, kiu havas intereson por Esperanto kaj promesas ĝin lerni. Pasivaj membroj povas fariĝi varieteanoj kaj ĉiuj aliaj personoj kaj korporacioj ktp., aprobantaj la klopodojn de la ligo kaj subtenantaj ilin. Estas dezirinde, ke la tuta esperantistaro kunhelpu pri la prospero de l'afero.

La entrepreno estas granda kaj ĝia organizado postulas sindonemecon, laboron kaj monon. Tial mi turnas min al ĉiuj samideanoj, grupoj, korporacioj ktp., ke ili aliĝu al la ligo kiel pasivaj membroj kaj tiamaniere mone subtenu la aferon. Kiel jam supre dirite, ankaŭ societoj, korporacioj povas fariĝi membroj. Por ili la kotizaĵo estas 2,50 Sm. Per tia efektiva subteno la varieteanaro vidos, ke ĝi estas bonvenonta en nia esp. mondo. Granda ĝojo pro tio ekkaptos la artistojn kaj ĉie, en ĉiuj lokoj, en kiujn la profesio ilin enkondukos, ili anoncos nian lingvon kaj ĝian benon, ili fariĝos veraj apostoloj de nia afero!

Ĉiujn pluajn informojn oni bonvolu peti de l'subskribinta ĉefsekretario de l'Varietea Esperantista Ligo (V. E. L.), en kies manoj la tuta organizado kuŝas.

Otto Linse,
Bromberg (Germanujo), Neue Markt 8.

(1) Varieteo; teatro, cirkartisto.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

*OFICIALA IMFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

**Protokolo pri voĉdonado.**

En la lasta no enŝoviĝis ne gravaj presararoj pri la ciferoj de la voĉdonado. Oni bonvolu korekti la rezultatojn kiel sekvas

1e *Forigo de sendependaj Subdelegitoj:* 62 jes; 6 ne.

2e *Kreo de distriktaj Delegitoj:* 56 jes; 12 ne.

3e *Kotizaĵo de la membroj:* 66 jes; 2 ne.

4e *Kotizaĵo de la entreprenoj;* 61 jes; 7 ne.

La voĉdoniloj ricevitaj post la tempolimo ne estis enkalkulitaj. La Delegitoj de la jenaj lokoj ne voĉdonis: Abbeville, Amsterdam, Barcelona, Caen, Caracas, Falun, Gijon, Krakow (ne formale voĉdonis), Praha (S-ro Hradil), Rotterdam, San Sebastian, Teruel, Zaragoza, krom Aŭstraliaj Del. kies respondo ne povis jam alveni. Al ĉiuj supraj Del. ni rememorigas § 19 de la Regularo.

**Gravaj Avizoj.**

Ĉar pro materialaj kaŭzoj la komplika ekspedado de la dokumentoj al ĉiuj Del. daŭris pli longe ol ni antaŭ vidis. ni devas prokrasti la tempolimon por la ricevo de la balotiloj ĝis *31 Decembro 1909*. Niaj Delegitoj bonvolu noti tiun ŝanĝon.

Ni ripetas, ke la membroj pagu la kotizaĵon de 1910 al sia loka Delegito, ne al ni senpere,

Ĉiuj Esperantianoj aŭ entreprenoj, kiuj ne formale eksiĝos antaŭ la 1. Januaro, estos membroj por 1910 kaj sekve devas repagi sian kotizaĵon.

**Proponoj.**

La Komitato de U. E. A. ricevis proponon de S-ro Rudnicki, Del. en Krakow pri administraj punktoj en la regularo: de S-ro Bailey (London) pri pago de malgrandaj sumoj (aperonta en « Esperanto »), de S-ro Stromboli (Del. en Genova) pri financa bazo de U. E. A. Tiuj proponoj estas studataj de la Komitato kaj aperos siatempe raporto pri ili.

**Labora Kongreso de U. E. A.**

La Komitato de U. E. A., post atenta ekzameno, decidis akcepti la inviton de S-ro Beideck, Del. en Augsburg, *okazigi apartan laboran Kongreson de U. E. A. en Augsburg* (Bavarujo) *dum somero 1910*. La dato estos fiksata pli poste.

Pri la pravigoj de tiu labora kongreso oni bonvolu legi la ĉefartikolon de D-ro Kandt en tiu No.

De nun, regulaj novaĵoj aperos en « Esperanto » pri tiu Kongreso, kiu estis jam ofte dezirita de niaj amikoj kaj permesos al niaj Del. kaj membroj kunveni por serioze labori kaj pritrakti ĉiujn demandojn rilatajn al U. E. A.

**Delegitoj & Subdelegitoj.**

Oni demandas nin ankoraŭ pri la diferenco, kiu laŭ la jus voĉdonitaj ŝanĝoj, ekzistos inter Delegito kaj Subdelegito, Delegito ekzistos en ĉiu loko, kie estas almenaŭ kelkaj Esperantistoj kaj per si mem sufiĉe grava; li ĉiam dependos de la Komitato. Voĉdonrajton li akiros nur post varbo de 20 membroj. Subdelegito estos en ĉiu loko, kie estas neniu aŭ tre malmultaj Esp-istoj kaj per si mem malgrava, kiel vilaĝo aŭ urbeto; li ĉiam dependas de la plej proksima Del. kaj laŭ sia deziro povos fariĝi Del.

**Statistiko de la Esperantianaro.**

La nombro de la Esperantianoj dum *1909* atingas nun *5.011* (listoj ricevitaj). Po lando la ciferoj de nia lasta no fariĝas jenaj: Britujo 635, Germanujo 923, Rusujo 575, Svisujo 160, Sud-Ameriko 110, Oceanio 95. La aliaj restas samaj.

### KONSULA FAKO

**Novaj Konsuloj.**

T = turismo; K = komerco; S = junuloj; V = virinoj.

*Berlino*: S-ro Hugo Marx T; Th. Kœhler kaj Ph. Gehrig K; E. Wichert J; F-ino M. Rabe V.

*B. Godesberg*: S-ro W. Marx.

*Bologna*: S-ro O. Nanni, T.

*Jena*: S-ro R. Wohlstadt, T. J.

### FAKO ESPERANTO-OFICEJOJ

**Novaj Esperanto-Oficejoj.**

*Liège*: S-ro Lemailleux, K.

*Nowawes*: Librejo, Beernstr., 7.

*Schweidnitz*: Kaisers Buchhandlung, Markt 32.

*Rio*: S-ro A. Fauzeres, Rua Sete de Setembro 195,

*Sofia*: Librejo Rozova Dolina, Str. Alabinska 38.

**Esperantia Librejo.**

Ni rememorigas, ke la Esperantia Librejo (sama adreso kiel U. E. A.) estas ĝenerala provizejo de ĉiuj Esp-Oficejoj por ĉiuj ajn Esperantaĵoj kaj eldonaĵoj de U. E. A. Pri la kondiĉoj kaj necesaj detaloj, petu la specialan cirkuleron de la librejo.

### KOMERCA FAKO

**Dungado.**

Niaj komercaj konsuloj ofte ricevas el Esp-ianoj petojn pri oficoj kaj estas iam embarasataj por respondi. En tiu okazo, se la Konsulo ne povas direkte plenumi la peton — kio plej ofte okazas — li konsilu al la petinto presigi anoncon en la plej konata loka anoncgazeto kaj konigu al li la prezon de tiu anonco. Se la petanto konsentas, li sendos precizan tekston, kiun nacien tradukos la Konsulo kaj presigos en la lokan gazeton. La personoj atingitaj de tiu anonco povos komprenble rilati kun la petinto per la Konsulo. La Konsulo povas ankaŭ sin turni al dungoficejoj kaj pagigi la elspezojn al la petinto. Gis ekzistos organizo, kiu permesos al la lokaj dungantoj sin turni direkte al la konsulo por konigi kiujn oficistojn ili bezonas — organizo, kiun ni povas fari nur kun sufiĉe da monrimedoj — la supra maniero estas la plej rekomendinda.

### FINANCA FAKO

**Etato de la Financoj dum monato Oktobro**

| | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|
| Fako Administrado | $ 243 35 | 131 03 |
| Subfako Ekspedado | 4 42 | 43 80 |
| Fako Financoj | 17 46 | 158 10 |
| Fako Junuloj | 2 20 | 0 90 |
| Sumoj | 267 43 | 333 83 |
| En kasoj la 1an de oktobro | 177 61 | |
| En kasoj la 1an de novembro | | 111 21 |
| | 445 04 | 445 04 |

**Konstanta Mondonacado por U. E. A.**

Por la esperantia agado de S-ro Kaliski Delegito de U. E. A. en Londono:

| | |
|---|---|
| S-ro *Hœveler (Ĉefeĉ)* (Londono) | $ 25 » |
| S-ino *Pennington* (Londono) | 20 » |
| S-ro D-ro Ledge (Londono) | 5 » |
| S-ro Amery (Birmingham) | 1 25 |
| S-ro Fairman (Londono) | 1 25 |
| Sumo | 52 50 |

Por celo nedifinita:

| | |
|---|---|
| S-roj Spitzer (Budapest) | 0 15 |
| Souza (Rio) | 1 20 |
| *Tuke Priestmann* (Bradford) | 10 » |
| Faucher (Serres) | 0 46 |
| *Paxton* (Newport) | 10 » |
| Benoit (Alger) | 0 39 |
| *E. Schulz* (Schweinnitz) | 10 » |
| Sumo | 32 20 |
| Supra sumo | 52 50 |
| Antaŭa sumo | 688 23 |
| Tuta sumo $ | 772 93 |

La Sm. 52,50 difinitaj por S-ro Kaliski grandaparte estis uzitaj por aĉeto de skribmaŝino kiu restos propraĵo de la Londona Delegito de U. E. A.

La Sm. 32,20 donacitaj por neniu speciala difino estis spezataj al la rezerva kapitalo de U. E. A. kiel ni decidis en Barcelono. Tiun rezervan kapitalon ni uzos nur en okazo de ekstrema neceseco, post konsulto al la komitato.

Niajn plej varmajn dankojn al la ĝisnunaj donacintoj. Ni esperas ke multaj amikoj sekvos ilian ekzemplon kaj volos mone helpi al nia Asocio ĉu por difinitaj celoj (konkursoj, stipendioj, disvastiĝo de U. E. A. en speciala regiono aŭ en speciala fako k. a.), ĉu por la pligrandigo de nia rezerva kapitalo, kiu sola povas doni al ni la necesan garantion kaj trankvilecon pri nia estonta agado. Ni memorigas, ke ĉiuj personoj, kiuj donacis almenaŭ 10 Sm., kaj kies nomoj estas kursive presitaj, estas laŭ nia Statuto, bonfarintaj membroj de U. E. A. kaj ricevas pri tio specialan karton.

**Kontrolado de la kalkuloj de U. E. A.**

En Barcelono, laŭ la regularo estis elektitaj por kontroli la kalkulojn de U. E. A., S-roj Delegitoj Jabœuf (Lyon) kaj Rudnicki (Krakow). S-ro Jabœuf faris la diritan kontroladon en Barcelono kaj poste sendis al ni jenan leteron:

« Al S-ro Financa Fakestro de Universala Esperanto-Asocio, — Mi, subskribinta, certigas ke mi kontrolis, post la kunveno de U. E. A. en Barcelono, la kalkulojn de la Asocio, kaj ke mi trovis, ke ili estas regulaj kaj ĝustaj,

La kontrolinto, *M. Jabœuf*.

S-ro Rudnicki, bedaŭrinde devis forveturi el Barcelono pli frue ol li unue intencis kaj ne povis fari la diritan kontroladon. Li do devis transdoni sian komision al S-ro Delegito Vesoux (Beaune) kiu, helpata de S-ro Cyrot, esperantiano de sia regiono, kaj profesia librotenisto, zorge ekzamenis ĉiujn librojn kaj kalkulojn kaj poste skribis al ni jene:

« Mi havas la honoron informi vin ke mi kontrolis la kalkulojn de U. E. A. kiujn vi alportis al mi kaj post ekzameno, mi estas remarkinta nenian eraron.

*A. Vesoux*

*La Financa Fakestro*,
Th. Rousseau,

# Esperantiaj Informoj

**Augsburg** (Bavarujo). — La Bavara Esp. Ligo sendis al 1.500 komercaj firmoj bonegan cirkuleron, kiu koncernas la internaciajn komercajn interrilatojn. Ĝi ĉefe atentigos pri la utileco de U. E. A. kaj ĝiaj servoj por la komerco. Tiu cirkulero estas subskribita de la direktoro de la komerca lernejo, de la komerca sindiko, de la bavarbankestro, de la prezidanto de la komerca ĉambro, k. t. p. Tio montras la apogon, kiun nia afero ricevis ĉe la vere interesataj rondoj.

La grupo (220 membroj) baldaŭ aliĝos kiel Esperantia Asocio.

**Berlin** (German.). — Ĉiuj servoj de U. E. A. estas nun plene reorganizitaj kaj oni preparas fervoran agadon por nia Asocio dum la jaro.

**Caen** (Francujo). — Por respondi diversajn demandojn, ni informas, ke S-ro Le Touzé, kiu subskribis artikolon en *La Dépêche de Cherbourg* per la titolo « Delegito de U. E. A. » ne plu estas Delegito de nia Asocio jam de monato aprilo.

**Caracas** (Venezuelo). — Eĉ en plej malproksimaj landoj disvastiĝas U. E. A. La tiea Del. varbis jam 35 Esperantianojn.

**Dresden** (Germanujo). — La nombro de la Esperantianoj varbitaj de la tieaj Delegitoj atingas nun 180.

**Kostroma** (Rus.). — Ĉe la Abelkulturada Ekspozicio estis Esp. angulo prizorgita de S-ro Kuzmin, Vicdel. de U. E. A. Multaj informoj estis petitaj kaj pluaj lernantoj estis altiritaj al la kurso.

**Krostoma** (Rusujo). — Fervore laboras tie nia Del., F-no Ŝarapov, kiu varlis pli ol 25 membrojn. Aperis gvidfolio. Dum vesperfesto organizita de kostroma filio de R. L. E., nia Del. faris paroladon pri la signifo de U. E. A.

**London** (Anglujo). — Dank'al la fervora laborado de nia Del., S-ro Kaliski kaj de liaj helpantoj, U. E. A. kalkulas multe da membroj. Mondonaco farita por ebligi la akiron de oficeja materialo, necesigita pro la pligrandiĝo de la laboro, donis bonan rezultaton. Niajn dankojn al la bonvolaj helpintoj.

**Magdeburg** (German.) — La nombro de la Esp.-ianoj atingas nun centon. Niajn gratulojn al la fervora Del.

**Nancy** (Francujo). — Sekve la cirkulero de la junula fako, la grupo de Nancy dissendis france presitan cirkuleron por instigi ĉiujn personojn, kiuj havas internaciajn interesojn kaj povus uzi niajn servojn, al partopreno en semajna senpaga kurso de Esperanto.

**Nuits** (Francujo). — De nun la ĉitiea jurnalo *Côte-d'Or* regule enpresos esp. kronikon. Burgoniaj Esperantianoj subtenu ĝin per legado kaj propagando. La samideanoj trapasontaj en Nuits trovos en kafejo Paris Esperantistajn parolantojn.

**Paris** (Francujo). — Nia oficejo, Verda Stelo, jus havis sian kongreseton per akcepto al multaj fremdaj samideanoj, kiuj al ĝi alportis saluton de sia patrujo. La gastema Skotlando faris ion plian : dum la kunveno, S-ro Yuile, el Glasgow, prezentis freŝajn produktaĵojn de sia lando, t. e. kukoj, floroj, eĉ juveloj, tiel ke lia vizito konsistigis ne nur feston, sed festenon.

Nune, nia atento estas rajte turnata al la aerveturada Ekspozicio, inaŭgurita de la Prezidanto la 25an de septembro. En belega, taŭga palaco, ĉiutage kunpremiĝas la vizitantoj, kaj tuj post la eniro, ili ĉirkaŭiras la de nunfaman maŝinon per kiu Blériot transiris la maron. Tie ankaŭ ofte renkontiĝas Esperantistoj interesataj de la estonta vetursistemo tiel intime ligata kun nia lingvo. Sed la por ni ĉefa afero estas lo elmontro de S-ro E. Bouché. Lia artefarita birdo estas tre rimarkata pro mirindaj simpleco kaj logikeco en ĝia direktmaniero. Al S-ro Fallières *iuj* aparatoj ŝajnis elegantaj, sed kion oni povus diri, vidante tiun de nia fervora samideano? Tial, ĉirkaŭ ĝi senĉese flirtadas la scivoluloj, altiritaj de la skribaĵo : *Esperanto Parolata*, kiu naskas pripensojn tute favorajn pro la mikŝiĝo de ambaŭ aferoj.

**Pirdof** (Bulg.). — S-ro Krestanof faris en la tiea treatro sukcesan publikan paroladon pri U. E. A., ĝia celo kaj ĝia organizo. Post ĝi kelkaj komercistoj esprimis la deziron aliĝi nian Asocion.

**Pleven** (Bulgar.). — Erare ni diris ke S-ro Krestanof faris paroladon en teatro de Pleven ; oni legu anstataŭe urbo Gorna-Orehovica. — La 13an de Nov. li faris sukcesan paroladon pri U. E. A. antaŭ 150 gimnazianoj kaj instruistoj. Bonaj rezultatoj. La ĉiusemajna gazeto « Istina » daŭras publikigi artikolojn pri nia afero.

**Rio-de-Janeiro** (Brazilujo). — La 8 oktobro, 25 Esperantistoj kunvenis en monata festeno. Ĉeestis germana Esperantiano D-ro Küppers, kuracisto de militŝipo en transito tra Rio. Li travizitis la urbon, akompanata de l'tieaj samideanoj. Ĉiuj jurnaloj priparolis la aferon.

**Ryen** (Nederlando). — Grava regiona gazeto publikigis kiel ĉefartikolon la tradukon de nia propagandilo en nederlanda lingvo, tradukita de nia nova Del. Ni konsilas al ĉiuj niaj amikoj ĉiam uzi nian propagandon broŝuron, kiam ili verkas artikolon pri Esp. kaj U. E. A.

**Sofia.** (Bulgar.) — En Aŭgusto okazis gravaj paroladoj de S-roj Aktarĝiev, Kanev, Evstifeieff, k. a. S-ro Krestanof paroladis. Ĝia sukceso estis rimarkita de ĉiuj gazetoj. Post la Bulgar.-Rumana Kongreso, kurso tre vizitata malfermiĝis.

**Saô Paôlo** (Brazilujo). — En la tieaj gravaj gazetoj, ofte aperas tradukoj de artikoloj aperantaj en *ESPERANTO*, kiuj taŭgas por montri la disvastiĝon de nia Asocio.

**Tiflis** (Kaŭkazo). — La regiona Delegito, D-ro Andreo Fiŝer, eldonis gvidfolion tra Tiflis, kiun li volonte interŝanĝas je gvidiloj tra aliaj lokoj. La venda prezo de la Tiflisa folio estas $ 0,04 afrankite ; ĉiunaciaj poŝtmarkoj estas akceptataj.

**Unieux** (Franc.). — La 7an Nov., S-ro Durieux, prez. de la Esp. Rodana Federacio, faris ĉe Esp. Festo paroladon pri praktikaj aplikaĵoj de U. E. A. Sekve de tio, du kursoj estis organizitaj.

**Varsovio** (Polujo). — U. E. A. trovis gravajn amikojn en tiu centro de Esperantujo ; en unua vico, nian karan majstron D-ro Zamenhof, pri kies sindoneco al U. E. A. oni konvinkiĝis dum la Barcelona Kongreso, S-ron Grabowski, la Prezidanto de Pola Esp. Societo, kiu fervore propagandas U. E. A., S-ron Günther, vicprez. kaj eldonisto de Pola Esperantisto, en kiu ofte aperas anoncoj por nia afero. En ĵus eldonita laŭĉefeĉa ŝlosilo aperis bonega resumo pri la celo de U. E. A. En la flugfolietoj disdonataj dank'al la helpo de S-ro Günther, varmaj vortoj por nia Asocio.

En la Ĉenstoĥova Ekspozicio Esp., la Pola Esp. Societo ricevis *honoran diplomon* — plej altan rekompencon. En la fako de Pola Societo paatoprenis U. E. A. Alia fakto, kiu atestas pri la progresoj de nia afero : dum la « ĉeĥaj tagoj » (vizito de 200 ĉeĥoj), estis inter ili du Esp.-anoj, S-ro Otruba, Del. en Teŝetice, kaj prof. Svoszil. Estis organizita de nia Del., D-ro Robin, agrabla vespero je ilia honoro.

**Zaragoza** (Hispan.). — La tiea Del. varbis 27 Esp.-ianojn. Ĉiuj servoj estis organizitaj kaj antaŭ la Kongreso la Del. havis la okazon akcepti fremdajn Es-ianojn, kiuj plezure uzis liajn servojn.

**Averto.** — Ni ricevis de nia Delegito en Limoges motivitan plendon kontraŭ Sro Jean-José Aguisebengoa, litografo, el regiono Vitoria (Hispanujo), kiu malbonuzis la servojn de nia Asocio kaj la konfidon de nia Del. Niaj reprezentantoj estas petataj noti, ke la dirita persono ne estas plu membro de U. E. A.

**Ĉiuj Esperantianoj nepre devas uzi la Esperantiajn Markojn vendatajn por la profito de centra kaso de U. E. A. 1 Sd por ekzemplero** (minimumo 10)

# Esperantia Parolejo

*Sistemo por faciligi la pagon de la respondoj kaj la transsendo de malgrandaj sumoj da mono.*

Ĉiu disvolviĝo de Scienco aŭ Komerco alportas kun si plimultiĝon de bezonoj.

La etendiĝo de poŝtaj interrilatoj dum la lastaj jaroj jam postulis multe da plibonigoj en poŝtaj servoj. Inter aliaj necesoj oni sentis la bezonon de ia rimedo por sendi la koston de respondo, kaj por sendi tra la poŝto malgrandajn sumojn da mono.

Kiam la sendanto kaj la ricevonto loĝas en la sama lando, tio estas simpla afero ; ĉar oni nur devas kunsendi poŝtmarkojn kun sia letero. Sed kiam la sendanto kaj la ricevonto loĝas en malsamaj landoj, tiu ĉi rimedo ne estas ebla, ĉar la poŝtmarkoj de unu lando, en alia estas senvaloraj.

La poŝtroficestroj jam penis plenumi la bezonon ; kaj por persono kiu nur tre malofte deziras sendi monon eksterlanden, eble sufiĉas la rimedoj kiujn prezentas la poŝtoficejoj.

Sed samtempe kun la disvolviĝo de la helpa lingvo, internaciaj interrilatoj iĝis multe pli oftaj ; la neceso sendi malgrandajn sumojn el unu lando en alian tre plioftiĝis, kaj la sperto montris ke la nuntempaj rimedoj ne estas kontentigaj.

La tempo ja venis por provi la starigon de pluaj facilecoj, kiujn bezonas precipe Esperantistoj : kaj pro la speciala internacia karakterizaĵo de U. E. A., ŝajnas taŭge ke tia provo estu farata sub la aŭspicioj de nia Societo.

Mi volas nun redakti skizon per kiu sumo de malmulte da spesdekoj povas esti oportune transendita el unu lando en alian. Antaŭ ol tion fari, mi kredas ke estas bone ekzameni la oficialajn rimedojn nun uzeblajn, kaj montri iliajn neperfektecojn, por pravigi la provon pri la starigo de pli bona plano.

La rimedoj nunaj estas tri ; jene :

1. Respond-poŝtkartoj : En la nuna tempo korespondanto povas sendi poŝtkarton en alian landon, kaj samtempe kunsendi poŝmarkitan poŝtkarton por la respondo. Tio estas oportuna por la okazoj kiam poŝkartoj sufiĉas por porti la respondon ; sed estas multe da okazoj kiam respondo per letero estas dezirinda kaj tiu ĉi rimedo estas senvalora. Plue, oni ne povas tiamaniere kunsendi enhavaĵon.

2. Respond-kuponoj : Dum la lasta Internacia Poŝta Kongreso (en Romo) oni starigis sistemon de respond-kuponoj. Ĉe poŝtoficejo oni aĉetas, por 12 sd., kuponon, sendotan al alilanda korespondanto. Ĉe oficejo en sia lando, tiu ĉi povas ricevi, kontraŭ la kupono, poŝtmarkon 10-spesdekan. Tiu ĉi rimedo estas utila, sed ĝi estas tro kosta. Estas kuponoj nur por 10 sd. nek pli, nek malpli. Se, do, oni deziras sendi 25 sd., ĉar du kuponoj valoras nur 20 sd., oni devas sendi tri kuponojn, t. e. 30 sd. La aĉetkosto estas 36 sd. ; aldoninte 10 sd., la sendkoston de la letero, oni vidas ke, por obtení el fremda lando libreton kies prezo estas 25 sd., oni devas pagi sume 46 sd. ; preskaŭ duoblan prezon. Dum la akirado de mia kolekto de ekzempleroj de 200 Esperantaj jurnaloj el ĉiuj partoj de la terglobo, mi devis forte rimarki la grandan koston kiu estas necesa por sendi alilanden malgrandan monsumon. La procentaĵo estas eĉ pli frapanta se oni volas sendi alilanden nur 4 sd., ekzemple, por havigi al si jurnalon tiuvaloran, katalogon, aŭ alian malgrandan eldoaĵon. Por havigi al la ricevonto 4 sd., oni devas sendi unu respond-kuponon, kies prezo estas 12 sd. ; al tio aldonu 10 sd., la poŝtpagon de la letero, kaj oni vidos ke necese estas paĝi 22 sd. ; t. e., la poŝtoficejo ricevas 18 sd. (= 450 pro cento) pli ol la kosto de la aĉetotaĵo.

3. Poŝtmandatoj : Oni povas transsendi monsumon per poŝtmandato. La kosto de internacia poŝtmandato, por sumo pli malgranda ol 10 Sm. (mi skribas pri Anglujo) estas 12 sd. Tial, por sumoj ĝis 40 sd. respond-kuponoj estas pli malkaraj. Poŝtmandatoj por internaciaj rilatoj estas neoportunaj, ĉar ofte la ricevinto ne povas scii, kiu sendis la mandaton. Se korespondanto en Svisujo aŭ Hindujo, ekzemple, sendas monon poŝtmandate al mi en Anglujo, mi ricevas de la Poŝtoficestro mandaton kiu montras la nomon de la sendito ; kaj, por havigi al mi la monon ĉe la poŝtoficejo, mi devas diri la nomon de la sendinto. La administracio de jurnalo kiu havas multe da eksterlandaj abonantoj meritas kompaton.

Nu, ni Esperantistoj (kiujn la afero tiel intime koncernas) konsideru kiun plibonigon ni povas fari por kaj per ni mem.

Mi limigos miajn sugestiojn precipe al rimedo par sendi malgrandajn monsumojn ne pli ol 50 sd. Por la sendo de pli grandaj sumoj jam ekzistas la bonega Ĉekbanko Esperantista de S-ro « Ĉefeĉ ». Esperantistoj tra la tuta mondo povas havi malgrandan konton ĉe tiu banko, kaj ĝiajn ĉekojn akceptas Esperantaj jurnaloj kaj aliaj eldonistoj. Per la uzo de la sistemo do « Transpagiloj » oni povas tre oportune sendi abonpagon al Esperanta jurnalo, kiu havas konton ĉe la banko. La sendkosto de ia monsumo tiamaniere, poŝtpago inkluskive, estas nur 4 sd. Bedaŭrinde, ne ĉiu Esperanta jurnalo kiu havas konton ĉe la Ĉekbanko Esperantista-tion sciigas en ĝia jurnalo apud la anonco pri abonpago.

Por la transsendo de malgrandaj sumoj mi sugestias jenon.

U. E. A. eldonu serion de poŝtkartoj, ĉiu el kiuj havu definitivan valoron. Poŝkarto de ĉiu valoro estu presita en aparta koloro. Ili portu desegnaĵon nefacile kopieblan. La poŝtkartoj estu de valoroj : 4 sd., 6 sd., k. t. p. ĝis 50 sd. Tiujn poŝtkartojn la Administracio povus dissendi (kontraŭ pago) al U. E. A. Delegitoj kaj Subdelegitoj al Esperantaj eldonistoj, al Sekretarioj de kluboj, k. t. p., porvendi al individuoj.

Supozu ke mi volas sendi, ekzemple, 25 sd. Val esterlandulo ; mi aĉetas de mia loka Delegito aŭ de Sekretario de mia klubo, poŝtkarton de la valoro 25 sd. Sur tiun mi skribas mian peton, algluas la poŝtmarkon, kaj ĝin sendas al la ricevonto. Tiu ĉi notas mian peton, donas la karton al lia loka Delegito aŭ klubsekretario, kaj ricevos la sumon 25 sd. Fine, kiam la kartoj iom amasiĝas, la Delegito aŭ Sekretario ilin sendas al administracio de U. E. A., en Ĝenevo, kiu tiam pagos por ili el la mono antaŭe ricevita.

Per tiu rimedo mi povas sendi alilanden 25 sd. pagante 25 sd., kaj 4 sd. por la poŝtmarko ; sume 29 sd., anstataŭ 46 sd. per uzo de la ordinara poŝta rimedo.

Por igi plene valora tiun ĉi sistemon, ĝi ne devus esti limita nur al membroj de U. E. A., sed la poŝtkartoj devus esti uzeblaj de ĉiu Esperantisto... eĉ de ne Esperantistoj.

Eble en la estonteco la registaraj poŝtoficejoj alprenos nian solvon de la problemo. Tiaokaze, kia granda sukceso kaj reklamo por Esperanto !

Oni rimarkos ke, laŭ la supra skizo, mi ne kalkulis ion por la kosto de la kartoj, la presado, k. t. p., aŭ por la laboro de Del., k. c. Sed, por starigi la aferon sur fortikan komercan bazon, tion oni devas konsideri.

Mi sugestias, do, ke por ĉiu karto (de kia ajn valoro) la Administracio de U. E. A. ricevu de la aĉetanto po 2 sd. superpage. Kiam la Administracio reaĉetas la kartojn, post uzo, ili pagu al la Del. k. c. po 1 sd. superpage por ĉiu karto. Tiamaniere U. E. A. ricevus po 1 sd. por ĉiu karto, por pagi la koston de la karto, presado, k. c., kaj Delegitoj k. c. ricevus ankaŭ po 1 sd. por ĉiu karto kies pagon ili faciligis.

Kompreneble Del. k. c. havus en iliaj manoj provizon de kartoj (por kiuj ili antaŭe pagis) kaj ĝis la repago la mono ricevita restus en la manoj de administracio de U. E. A. en aparta konto. Se la sistemo kreskus, la procentaĵo ricevata por tiu sumo en konto eble donus profiton por la ĝeneralaj celoj de U. E. A.

Restas la demando, ĉu tiun ĉi sistemon kontraŭstaras la leĝoj de ia lando. Al tiu demando sendube respondos la anoj de Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj.

H. T. Bailey (London).

**AVERTO**

S-ro Kœtz, Del. en Leipzig, avertas ĉiujn samideanojn pri S-ro Sepulvedra-Cuadra, « profesoro de Esperanto », en Santiago de Ĉilio, kiu vere malbonuzas la bonecon de la Esperantistoj, farante plej diversajn mendojn de Esperantaĵoj, kiujn li neniam petas. Ĉar ni jam el diversflanke ricevis similajn plendojn, ni juĝas necesa antaŭgardi la samideanojn pri tiu agado. S-ro Cuadra cetere ne estas membro de U. E. A.

**Ĉiuj samideanoj havas la devon favori la komercistojn, kiuj reklamas en iliaj gazetoj. Legu do ĉiam la 4an paĝon de ESPERANTO.**

# XIa LISTO de ESPERANTIANOJ

*kiuj pagis por 1909*

WORMS (43-41). D.-H. Pfaff. 1, H. Pfaff ; 2, F. Pfoff ; 3, O. Fuchs ; 4, D-ro K. Briegleb ; 5, H. Pütz ; 6, K. Blinn ; 7, K. Holzweiss ; 8, L. Leydecker ; 9, J. Hein ; 10, H. Dæss ; 11, H. Baier ; 12, G. Kahl ; 13, J. Sienken ; 14, 14, K. Steiger ; 15, J. Wæchser ; 16, R. Seelig ; 17, W. Nohr ; 18, T. Ziller ; 19, J. Bross ; 20, M. Loeb ; 21, E. Leynayf ; 22, L. Krick.

. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 21*

BRAUNSCHWEIG (43-54-). D. K. Jahnes. 121, Ŝ-no Reinking ; 15, Faluis ; 16, F-no Dathe ; 17, Hovaldt ; 18, Wanglin ; 19, Müller, 20, F-ino Müller ; 21, S-no Sdmnidt.

. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 21*

BAD-REICHENHALL. (43. 36. 2). S. D.-F. Mayerhauser, 1, F. Mayerhauser ; 2, G. Weismann ; 3, F-no K. Yung ; 4, Fno K. Krescenz. 5, Hubershérger ; 6, F. H. Six.

. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo ; 6*

MUNCHEN (43.3). D. J. Krumbach. 21, J. Stuklberger ; 23, H. Fressel ; 22, A. Kiefer ; 24, E. Vortisch ; 5, Banholzer ; 6, B. Rubland ; 7, G. Meyer ; 8, Y. Berger ; G. R. Jodl ; 10, A. Herzenstein ; 11, L. Kress ; 12, H. Kræmer ; 13, H. Perl ; 14, R. Lechner ; 15, W. Dausn ; 16, L. Scheuermayer ; 17, A. Stolz ; 18 G. Stræfsner ; 19, J. Windorfer ; 20, W. Slink.

. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 26*

GRAZ (43,65). D. P. Geier. 1, P. Geier ; 2, K. Bartel ; 3, A. Zingl ; 4, Cgvatik ; 5, A. Beschkenadse ; 6, G. Feltschik ; 7, S-ro M. Bugram ; 8, C. Gottschall ; 9, C. Fronza ; 10, E. Janko ; 11, S. Tomič ; 12, F. Ebner ; 13, J. Sollomin, 14, J. Dandorfer ; 15, R. Rubčič ; 16, R. Pettera ; 17, D-ro Dietl ; 18, F. Minarik ; 19, D. Vajkovič ; 20, S-ino L. Krischey.

. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 20*

ANGER. (44.18). D.-E. Gvlard. — 1, E. Galard ; 2, Fropereau ; 3, Blot ; 4, Préaubert ; 6, Uneffang ; 8, F-no Bernard ; 9, Leroy ; 10, Rouvet ; 11, Duveau ; 12, F-no Barberon ; 14, D-ro A. Martin ; 16, Grafo de Contades ; 17, Le Ecdico ; 20, Robert ; 21, D-ro R. Galord ; 22, P. Boizard ; 23, Moreau ; 24, Richard ; 25, Antier ; 26, Dupuy ; 27, F-no Barbin ; 28, S-no Jèze.

. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 22*

TOURS. (44.54). D. Grodvolle. 13, P. Gaboŕy ; 14, F-no R. Bouchereau ; 15, F-no A. Robert ; 16, S no M. Grosjean ; 17, Rungaldier.

. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 17*

# Nova Varbilo

*Sinjoro renkontas sinjorinon en salono. Interparolado komencas.*

La Sinjoro. — Bonan tagon, kara sinjorino, kiel vi fartas?... (*Impresata subite*). Ho ! Pardonu ! (*Li volas paroli, sed li ŝanceliĝas.*)

La Sinjorino. — Vi havas ion por diri al mi ?

La Sinjoro. — Jes... Sed... mi certe... estos maldiskreta... Ho ! tre maldiskreta...

La Sinjorino. — Diru... mi petas vin.

La Sinjoro. (*Li ŝanceliĝas ankoraŭ, sed post kuraĝiga gesto de la sinjorino, li tute sentimiĝas.*) Pardonu al mi... mi tre dezirus koni... la parfumon kiun vi uzas.

La Sinjorino. — Ho ! Sinjoro, ne estas maldiskreteco. Mi tute povas liveri al vi mian sekreton... la sekreton de ĉiuj — vi aparte. — Estas parfumo esperanta.

La Sinjoro. — Esperanta ?... Esperanto !

La Sinjorino. — Jes, jes, la mirinda lingvo, kiu..., k. t. p..., k. t. p...

*Post kvin minutoj, la sinjoro entuziasmiĝita forlasas la sinjorinon, ĵetante gajan « Ĝis revido » kaj aldonante : « Ne forgesu sendi al mi la sciigojn, mi konfidas al vi ! » Esperanto havis pluan anon.*

EGO.

P. S. — La **Parfumejo de l' « Phénix »** kreis speciale por la geesperantistoj poŝtan paketon **Verda Stelo** — tre bela donaco, okaze de la kristnaska kaj novjara Festoj — enhavanta : 1 tualetsapo, 1 boteleto da kolonjakvo, 1 boteleto da Dentakvo, 1 skatolo da rizpudro — ĉi tiuj produktaĵoj je supera kvalito — kiun ĝi sendos afranke, por poŝtmandato da fr. 3.50 (1.40 $), sendita al la Direktoro de la Parfumejo de l'Phénix, 30, rue du Garde-Chasse, Les Lilas-Paris (Seine), Francujo (Por alilando, limimpostoj pagotaj de la adresato).

Sendo de la *esperanta* katalogo senpage kaj afranke.

**Ĉiuj Esperantianoj estas petataj de nun repagi la kotizaĵon por 1910 al la Delegito de sia loko.**

# GRAVA AVIZO

**Ni avizas niajn abonantojn, kies abono finiĝis kun tiu No, ke, en la okazo se ili ne ankoraŭ repagis aŭ formale malabonis, ni enkasigos ilian reabonon per la poŝto, aldonante la elspezojn por la repagigo. La abonantoj loĝantaj en landoj, kie poŝtrepagoj ne estas akceptataj, estas treege petataj tuj sendi sian reabonon por ne kaŭzi interrompon en la ekspedado.**

**La plej simpla kaj ŝpariga maniero reaboni ESPERANTO estas pagi al la**

**Kiu Esperantista grupo ne ankoraŭ eldonis gvifolion ?**



# Esperanto - Movado

Ĵus aperis nova jurnalo *Voĉo de Farmaciistoj* (Varsovio, septembro 1909). Ĝi enhavas tre interesan artikolon de nia Majstro, kiu skribas :

« Esperanto jam travivis sian embrian periodon. Hodiaŭ post 20-jara ekzistado ĝi fariĝis jam matura organismo. De kelkaj jaroj Esperanto jam eniris praktikan vojon kaj ĝiaj adeptoj rigardas jam ĝin ne nur, kiel ideon, sed, kiel eltrovon la plej gravan je la vidpunkto de utileco ».

« La fruktojn de tiu ĉi internaciigo de l'homaro povas jam admiri ĉiu, kiu pli aŭ malpli konatiĝis kun la grandega movado de esperantismo en la tuta mondo. Se ni hodiaŭ ne atingis rezultatojn de tiu ĉi laŭ plej larĝa kompreno de senco de tiu ideo, ni tamen atingis rimedon, kiu ebligis al ni starigi almenaŭ fundamenton por ĝia estonta konstruaĵo ».

« Unu el la plej gravaj rezultatoj, atingitaj sur tiu ĉi vojo post la grava Universala Esperanto-Asocio estas Asocio de Medicinistoj (T. E. K. A.) ».

Poste nia majstro parolas pri la graveco de T. E. K. A. kaj de la novfondata Internacia Esperanta Farmaciista Asocio (I. E. F. A.), kaj finas :

« Ni esperu ke *Voĉo de Farmaciistoj* fariĝos same grava organo por farmaciistoj, kiel *Voĉo de Kuracistoj* por kuracistoj. » Ni deziru la saman !

La numero 10-11 (oktobro, novembro 1909) de *Dana Esperantisto* enhavas interesan artikolon de S-ro Skeel-Giorling, titolitan ; « Granda sensacio ». Ĝi estas tre bona respondo al la ĉiamaj pretendoj de la Idistoj, ke Esperanto estas speciale malfacila por la kompostado, dank al ĝiaj supersignitaj literoj.

Unue li konstatas, ke laŭ la informoj de l'direktoroj de la presliterfandistaj firmoj en Danujo preskaŭ ĉiuj libropresejoj posedas plenajn literojn por esperanta kompostaĵo. Tiuj, kiuj ne ankoraŭ ĝin havas, povas ĝin tre facile akiri. Poste Sro Skeel-Giorling prenas la represitan en « Progreso » (april 1909) « dokumenton ». Tiu dokumento estas presprovaĵo, sendita de Pastro Scheneberger de lia « Detala Raporto pri la unua Esperantista Kongreso ». Ĝi devus pruvi, kiom da teruraj esperantaj literoj mankas eĉ en tia grava presejo, kiel la Bazela Universitata Presejo, kiu posedas literaron por pluraj vivantaj lingvoj. Trarigardante tiun dokumenton, Sro Skeel Giorling diras : « En la specimeno mankas :

| | | |
|---|---|---|
| Kursivoj : 3-s, 6-r, 6-o, 2-l | = | 17 literoj |
| Antikvoj : 36 k, 30 j | = | 66 — |
| Supersignitaj literoj : 2 ŭ | = | 2 — |
| | | 85 literoj |

Li finas per la vortoj « ... la konkludadon ni lasas al nia legantaro ! »

La Danaj Samideanoj alvokas la esperantistaron monoferi por starigi memoran monumenton sur la tombo de nia tre fervora samideanino, estinta Delegitino de U. E. A. en Kopenhago Sno Schrœder, tiel tragike mortinta. Ĉiu donacu, kiom li povos ! La monon oni sendu al la Esperanto-Oficejo, Bredgade 35, Kopenhage 12, Danujo. La nomoj de la donacintoj estas publikigataj en » Dana Esperantisto ».

« *Lingvo Internacia* » (novembro 1909). Th. Cart en la ĉefa artikolo sub la titolo : « *Ni respektu nian lingvon* » skribas :

« Esperanton ni devas konsideri kun sama respekto kiel niajn gepatrajn lingvojn.

Kiel ni penadas por skribi kaj paroli plej klare, plej korekte, plej bone nian nacian lingvon, tiel same ni devas penadi por skribi kaj paroli lingvon internacian..,

« Niaj rajtoj kontraŭ ĝi, ĉar ĝi estas de arta deveno, ne estas aliaj, ol kontraŭ iu ajn alia lingvo. Cetere nur dank al tiu konvinko, gardata nur per ĝi kontraŭ teoriaj proponoj kaj diskutoj, Esperanto povas vivi kaj normale kreski.

« Ĉu ni agitadas por enkonduki senĉese en niajn naciajn lingvojn novajn prefiksojn, novajn finiĝojn, novajn radikojn ! Certe ne !

« Kial do kelkaj el ni tamen (tute ne scienculoj aŭ lingvistoj) volas agi alimaniere kontraŭ Esperanto ?

« 1e Ĉar ili ankoraŭ nun strange opinias, ke Esperanto ne estas *vera* lingvo, sed plibonigota projekto ; 2e Kaj precipe, ĉar ili ne pensas en Esperanto, sed nur tradukas esperanten la vortojn, la nuancojn de sia gepatra lingvo, kaj, ne trovante tuj taŭgan tradukon, dank al la spirita mallaboremo, simple fabrikas novan vorton aŭ imagas novan nuancigantan afikson.

« Sed vere, kiu ne estas kapabla pensi en Esperanto, tiu tute ne havas tian rajton. »

Poste Sro Cart konkludas :

« La regulo do devas esti por ni ĉiuj, ke ni enkonduku ian novaĵon nur kun vera bedaŭro, nur kun ĉagreno, nur post dudekfoje konstatita neebleco ĝin eviti, ĉiam konsciante la gravecon, la eblan danĝeron de tiu ago por nia unueco, kiun ĝi minacas, por nia propagando, kiun ĝi malplifaciligas.

Li finas la artikolon per jenaj vortoj :

« Plie, ni neniam devas forgesi, ke Esperanto estas privata propraĵo de neniu el ni, sed komuna propraĵo de ĉiuj ; ke, sekve, vola senĝeno rilate al la lingvo estas peko kontraŭ la respekto, kiun ni ŝuldas al la amaso de niaj samideanoj.

*La Holanda Pioniro* (novembro 1909).

La movado en Holando kreskas : Haga Esperantista Laborista Klubo kalkulas jam pli ol 150 membroj. Paroladoj estis faritaj en Alkmaro — Sro Verkuyl, Het Gooi — Sro Blok, Harlemo — Sro Blok, Heldero — la sama. Kursoj estis malfermitaj en Alkmaro, Het Gooi, en Middelburgo (post parolado de Sro Zeegelaar), Rosendalo kaj Zuid—Beveland.

*La Ondo de Esperanto* (Moskvo, oktobro 1909).

Alportas ĝojigajn informojn el Rusujo, En Tifliso estas malfermita kurso, kiu kalkulas 116 lernantojn. En Voronej, ĉe la unua vira gimnazio ekzistas kurso por la kvar superaj klasoj, kiun sekvas 103 aŭskultantoj. La Serpuĥova societo kalkulas 97 membrojn. La jurnalo « Vostoĉnaja Reĉ el Vladivostoko enpresis tradukon de l'esperanta artikolo : « Australia Virino ». Tre bone propagandas nian ideon niaj asĥavadaj (Zakaspia Regiono ĉe la limo de Persujo) samideanoj. Ili intencas baldaŭ interrilati kaj fondi grupon en Teherano (Persujo). Dum la Xa Kuracista Kongreso en Kostroma estis aranĝita Esp. Ekspozicio, dum kiu, Dro Cvetaev sukcesis ekinteresigi multajn ĉeestantojn pri nia ideo.

La Estro de poŝttelegrafa oficejo en Taŝkento oficiale sciigis la Komitaton de Taŝkento Societo Esp. pri deziro de 16 poŝttelegrafaj oficistoj ellerni esperanton.

Post aprobo de la Moskva registaro estis fondita oficiale la Tutrusa Esperanta Kuracista Societo (T. E. R. S.)

*Norda Gazeto* (Nord-Francujo, oktobro 1909).

En Condé okazis sukcesplena kunveno de la Esperantistoj de Norda Francujo. La Loka registaro estis reprezentita de Sro Urbestro Pureur. La proksima kunveno okazos en Abbeville.

La Komitato de la Amiensa Grupo decidis proponi al la Ĝenerala Kunveno, kiu okazos en oktobro plialtigi la jaran kotizaĵon ĝis 3 fr. (anstataŭ 2), por ke ĉiu membro povu esti santempe membro de U. E. A, kaj de S. F. P. E. Ĉiu membro samtempe havas rajton ricevi senpage la « Norda Gazeto » — n. 2.

« *Brazila Esperantisto* » (julio, aŭgusto 1909).

« Oni rimarkas ke en niaj ĉefaj doganoj kaj telegrafaj oficejoj ekzistas, apud la aliaj, afiŝoj esperante skribitaj ».

« *Sofia* » (Teozofia Revuo, No 1a). — Nova Esperante redaktita jurnalo, aldono al la Revuo de la Sama nomo (Redaktoro S-ro J. Garrido) enhavas represitan el « Esperanto » artikolo « Lingvo vivanta » de S-ro E. Privat. Kaj alian represitan el The Teosophist.

*La Duonmonata* (Germanujo). — Nova duonmonata gazeto « ilustrata por la vivo de la Esperantistaro sur ĉiuj kampoj de la homa sperito ». Eldonas J. Heyn, Leipzig (Thomasring 6). S-ro Steier, redakt. proponas al la konstanta komitato de la kongresoj, ke oni festu la 50an datrevenon de naskiĝo de D-ro Zamenhof per ;

1) Aranĝo de Esperantaj festoj, komunaj koncertoj, propagandaj paroladoj, amuzaj kunvenoj ktp.

2) Publikigo de nacilingvaj artikoloj pri Esperanto, Dro. Zamenhof (kun bildo) nia movado kaj pri la aranĝotaj festaj kunvenoj, je la dato de 15-a de decembro.

3) Alsendo de gratulaj skribaĵoj al Dro. L. L. Zamenhof (Varsovio, ul. Dzika 9), salutaj leteroj kaj telegramoj al la najbaraj grupoj, same festantaj, kaj disdendado de poŝtkartoj kun la bildo de Dro. Zamenhof kaj kelkaj klarigaj vortoj al ĉiuj gekonatuloj neesperantistaj. Kiel donacon al Majstro mi proponus albumon kun fotografaĵoj de la membraro de diversaj grupoj.

Bone organizita, tiu unueca manifestado je la 15-a de decembro povas mirinde helpi al nia tutmonda movado, konvinkigi amasojn de skeptikulojn, ekinteresigi kontraŭulojn, multe pligrandigi nian anaron. Kian fortan impreson povus fari je la publiko tia tutmonde aranĝita manifestado ! Estos fajrejoj, kiuj subite eksplodos kaj efikos kaj certe helpos al ni pli multe ol paroladoj kaj artikoloj disaj.

La sama gazeto aranĝas literaturan konkurson kun premio da 20 $.

# BIBLIOGRAFIO

*A... B... C...*, noveleto de E. Orzeszko, tradukiis F. Ender (nova Esperanta Biblioteko, No 2a, St. Miszewski, Lvelz) kun biografio de la aŭtorino.

*La Pledo por Ferrer* de Fr. Ferrer (eldono de la I. E. S. Libera Penso). Prezo ct. 15. Esperante kaj france redaktita.

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata, antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

## Korespondado

BARCELONA-GRACIA (Hispanujo). — S-ro Arturo Torne, Str. Laurel II. PI.

MILANO (Italujo). — S-ro E. Castoldi, teatristo, viale Volta 8 (pri teatraj aferoj).

PECKA (Bohemujo, Aŭstrio). — S-ro L. Vonka, N. 180. P. I. (tuj respondos).

BOULOGNE-SUR-MER (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, 149, rue du Moulin-à-Vapeur. PI.

PRAHA I, Bohem., Aŭstrio. — S-ro F. Novak, Malé nam 10.

NAPAJEDLA, Moravio, Aŭtrio. — S-ro Juricek Frant. PI. PM.

NAPAJEDLA, Moravio, Aŭstrio. — S-re Joa. Erlebach.

CZUDEC, Galicio, Aŭstrio. — F-ino J. Smolnicka. PK. PM.

LONS-LE-SAULNIER, Jura, Fran. — S-ro A. Pernet, rue des Salines. PI. PM.

ORLÉANS, France. — S-ro Maurice Denis, 53, rue de la Gare. PI.

AMIENS, Franc. — S-ro C. Adam, 61, rue du Comte-Rasul. PI (kun fremduloj neaŭstriaj).

PARIS, Franc. — S-ro G. Parissot, 15, rue Montmartre (dez. koresp.-antojn por siaj lernantoj).

PARDUBICE, Bohem., Aŭtrio. — D-ro Fonsek. L. PI (pri naciaj kantoj.

LE HAVRE, Franc. — F-ino I. Potet, 4, rue des Marches. PI.

VERSAILLES, Franc. — S-ro Chilard, 4, rue Pierre-Bertin. PI. PM.

BARCELONA, Hispan. — La grupo Esp.-ista « Semo » (S-to Carmen 30 pral), akceptas korespondantojn per PK kaj stenografio Aoro.

PARC SAINT-MAUR, Franc. — S-ino Vanderrielle, 56, rue du Petit-Bois. PI (kun nefrancoj).

WASIGNY, Ardennes, Franc. — S-ro G. Landragni. PM. PK. L.

CHATEAURENAULT, Franc. — S-ro P. Gabory, ĉe S-ro Descroix, horloĝisto. PI. (kun alilanduloj).

LODZ, Rusujo. — S-ro K. Orzechovski, str. Piotrkovska 242.

BUDAPEST, Hungar. — S-ro L. Kokai, IN. Karoly-utca 1. PI.

SABADELL, Hispan. — S-ro J. Puig, Str, Montserrat 49. PI. PM. L.

ROUBAIX, Franc. — S-ro Aug. Dubar, 30, rue du Bois. PI.

## Petoj kaj Proponoj

**Horloĝisto.** — S-ro P. Gabory, ĉe S-ro Descroix, horloĝisto, serĉas oficon ĉu en Anglujo, ĉu en Germanujo. Sin turni al li plej rapide.

FOTOGRAFANTO deziras interŝanĝi fotografaĵojn, interesajn por la propagando de Esperanto, PK. de grupoj, p. t. p. Oni turnu sin al la adreso : C. D. Baxandall, F.B., E. A., 23, Portland St., Lancaster (Anglujo).

RIPREZENTANTO de fabriko, tre konata ĉe la firmoj (artikloj por tajloroj) deziras alian riprezentadon, escepte por veluroj kaj silkajoj. Sin turni al S-ro Gillet, 4, rue des Petits-Champs, *Paris*.

EKSPOZICIO. — S-ro Rübsamen, Direktoro de 2 lernejoj de lingvoj modernaj ricevas kun plezuro materialon pri Esp. Ekspozicio. Adreso : Moderne Sprachzchule, Gœthestrasse, 10,2 Frankfurt a/M.

**Kolekto.** — S-ro P. Tarnow, bankführer, Kattowitz in Oberschl. (Germanujo), deziras aĉeti la tutan kolekton de *Esperanto*, luksa eldono (1905-1906).

**Korespondo.** — S-ro E. Gabert, 10, rue Claude-Delaroa, Saint-Etienne (Francujo) deziras interŝanĝi PI., montrantajn interesajn preĝejojn aŭ monaĥejojn; ĉiam respondos per belaj PI.

**Financoj.** — Personoj dezirantaj deponi siajn kapitalojn kun plena garantio en Rusujo por 8 % jare, volu sin turni laŭ adreso : S-ro Vladimir Krajev, Tchernajevkaja, 14, *Tachkent* Sir Dariinskoj oblasti, Rusujo.

**Cosmopolitan Correspondence Klub.** — Granda internacia Klubo pri korespondado, kolektado k. t. p. — 7,000 membroj en la tuta mondo, belega ilustrata revuo en 4 lingvoj kun esperanta fako. Pri informoj aŭ aliĝiloj skribu al Cas. Post. 601. *Genova*, Italia.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Geneva Lago; belega vidaĵo; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : F-ino A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

**Studento.** — Esp. organo de studentoj aperonta en septembro 1909 serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj. Jarabono 1 $ (pagita antaŭ 1 sept. nur 0.75 $). Adreso : *Praha*, 516, K. Kuthan.

**Pensiono.** — S-ro H. Muffang, 19, rue de Fresnes, Angers (Francujo) povas ricevi en sian familion unu pensionulon aŭ pensionulinon. Liceaj kursoj laŭvole por knabo. Piano, teniso.

POŜTKARTO-REVENDANTOJN serĉas Eldonejo Esperanto, Germanujo : Leipzig, Langestr. 27.

INVENTINTO de Universala rabotilo (angla patento) serĉas interesiĝantojn. Oni sin turnu al Georg Eysel, Berlin S. W. 47. Kreuzbergstr. 9. Quergetr.

# *GRAVA AVIZO*

### por KOMERCAJ KONSULOJ

Reprezentantoj estas serĉataj en ĉiuj landoj por *skribmaŝinoj, kudromaŝinoj, bicikletoj, fotografaj aparatoj, krajonakrigiloj.*

Petu informojn de : *Bigalke & Mohwinkel, Bromberg* (Germanujo).

## Komercaj reklamoj

### TRA LA FILATELIO

Internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtmarkoj & poŝtkartoj. Jare : En Francujo 2 fr. 10, 0.80 $. En ceteraj landoj 2 fr. 50, 1 $, ĉe S-ro Fize, au Pastissou, Béziers (Francujo).

**Ekspeda firmo.** — Firmo Krook & Person, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**Silkaj esperantaĵoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., rue de la Loire, 41, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 0 fr. 30 (0.12 $) poŝtm. aŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustritan prezaron.

**Muziko.** — S-ro A. Besnard, muzikeldonisto, 26, rue Antoinette, Paris, liveras ĉiujn ajn muzikaĵojn, el ĉiuj landoj, laŭ plej profitaj prezoj.

**Komercaĵoj.** — S-ro A. Rowlands (Box 183, Invercargill, New-Zeland) deziras koresp. pri komercaĵoj revendeblaj en la Anglaj Kolonioj kaj pri la produktaĵoj de Nov-Zelando.

**Antaŭ ol** akiri domojn, dometojn, kampardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Italujo, skribu al samideano *Luigi Scarselli*, via dell' Agnolo 48, Firenze (Italujo). Li akceptas ankaŭ *riprezentadon* de ĉiaj komercaĵoj.

**Donaco** tre rekomendinda al Esperantoj geamikoj : murpladoj surskribitajn per Esperantaj devizoj. Forsendas afrank. 3 po 3 75 $. S. F. V. Dam, 38 v. Galenstrasse *Haag* (Holando), konto ĉekbanko Esperanto.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ. — Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Germanujo ; Leipzig, Langestr. 27.

BARCELONA KONGRESO. — 14 belegaj gravuraĵoj de la Kongreso Barcelona nur $ 0.55. Eldonejo Esperanto, Germanujo : Leipzig, Langestr. 27.

VERDA STELO INTERNACIA. — Internacia gazeto kaj revuo, kiu donas al vi, la plej bonajn sciigojn Esperantajn. Gi enhavas tutmondinteresaĵojn, ankaŭ noveloj, Familia Rondo, Infana Angulo, Leterejo, Interesaĵoj, kaj komencas « La Aerforflugado », originala novelo. Abonprezo, 1/2 Sm. — ekzemplero 4 Sd. *Green Star Interntional, MILLER, Mo.* U. Ŝ. A. Ĉiam pagu per ĉekoj aŭ kuponoj.

## LINGVO INTERNACIA

**Centra organo de la Esperantistoj**

Eliranta la 15 kaj 20 de ĉiu monato

*Abono por unu aro, kun* LITERATURA ALMANAKO 3 Sm.

La *Literatura Almanako* enhavas, krom la historio de Esperanto dum 1908, portretojn de l'Akademianoj kun biografiaj notoj kaj neeldonitaj paĝoj de ili. Ekskluzive rezervita por la abonantoj.



## FAJENCO. INSIGNOTELEROJ

en vilaĝana maniero, diametro : 32 cm. manpentrita kaj bruligita laŭ ĉiu laŭvola plano. Prezo po telero $ 5. — Afrankite per pagoŝarĝo.

*Franz Junckersdorf, Dresden-A 300*

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (60 n-oj), afrankite 2.50 $.

Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

*La Administranto (Gérant) : DUVAL*

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)




# La Esperantista Murkalendaro aperis !

Trikolora ŝildo, 25/32 cm., ŝir-folietoj por ĉiu tago kun proverboj, spritaĵoj, rakontetoj k. t. p. de nia majstro kaj de aliaj eminentuloj.

Ornamaĵo de ĉiu ĉambro, efikega propagandilo por oficejo, restoj racioj kaj aliaj publikaj lokoj. Prezo afrankite : **60** Sd.

Oni mendu antaŭ ol la provizo estos elĉerpita senpere ĉe la

UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO, Rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)



Pro siaj malgrandaj dimensioj, pro sia nedifektebla fortikeco, pro sia preciza funkciado.

## La Hüttig'a « Ideal » - Kamero

estas la plej bona kamero por universala fotografa laborado. Platoj kaj ebenfilmoj interŝanĝe estas aplikeblaj. La optika provizado estas je diversaj lumfortoj ĉiam bonega.

Ni senpage sendas la plej novan katalogon n° 505 en Esperanto en la tutan mondon.

**Hüttig Akt.-Ges., Dresden, 21** (Germanujo).

Plej granda kaj plej malnova kamerfabrikejo de la Eŭropa kontinento.

La plej bona akriga **MAŜINO** de **TRANĈILOJ**

## “ PIPIFAX ”

Ne manku en ia domo ! Ĝi tuj akregigas ĉiujn tranĉilojn

Simpla
Manuzebla
Praktika

**Havebla de la solaj fabrikantoj**

GUHL & H RBECK (Esperantia Entrepreno), HAMBURG, 35 S.

## ĈASOPIS ĈESKÝCH ESPERANTISTŮ

Kun literatura aldono « *Legolibro de Bohemaj Esperantistoj* » oficiala monata organo de bohemaj Esperantistoj kaj de centra asocio.

**Bohema Unio Esperantista** *(B. U. E.)*, kiu unuigas tiutempe *43 societojn.* Ĉiu numero de tiu ĉi revuo enhavas po 20 paĝoj da plej bona teksto : artikoloj originalaj kaj tradukitaj, parto oficiala, esperanta movado en fremdlando kaj inter Bohemoj, bibliografio, adresaro de korespondantoj, k. t. p.

Jara abonpago : 3 kronoj ($ 1.50) Red. kaj Adm. : Praha II, 2023, *Ed. Kühnl.*

(Rabato por Societoj).

Tre rekomendinda donaco al Kristnaska festo estas la mondfama

## KŒNIGSBERGA MARCIPANO

### SPECIALAĴO

en pecegoj, tekonfektaĵo kaj marcipanaj terpomoj. Prezo funte 1 $.

Por 10 $ ni forsendas en- kaj eksterlanden afrankite kaj sendogane la tre plaĉantajn kestojn enhavantajn diversajn marcipanaĵojn.

**PAUL BECKER, KŒNIGSBERG (Prusujo)**

Marcipanfabriko premiita per ora medalo en la Pariza ekspozicio 1908.

**Oni korespondas esperante**

## Heilanstalt-Kuracejo

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- Heilanstalt-Kuracejo por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : **Dr. BREIGER**

# POŜHORLOĜO : L'ESPERO



El blanka, tre fortika metalo, oksidita kiel malnova arĝento, kun reliefa kovrilo kaj verda emajlita stelo. Preciza radaro je ankro kun 15 rubenoj, plene garantiita por ekzakta funkciado. Utilega al ĉiuj esperantistoj. Tre ŝatata donaco.

Prezo : **30** fr. = **12** $

Afrankita en ĉiuj landoj : **12.65** $

Sola riprezantano de tiu ĉi kaj de alispecaj horloĝoj de fame konata svisa fabrikejo.

**UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO**

Rue de la Bourse, 10, GENÈVE (Svis.)

# Granda*j* Vinoj el Burgonjo

## MOREAU-VOILLOT

BEAUNE (Côte-d'Or-Francujo)

Firmo fondita en 1786, daŭrigita de patro al filo

**Honorindaj makleristoj estus akceptataj**

**Oni petu la prezaron esperantan**

## “ NOVAĴO ”

*Grava afero por ĉiulanda militistaro !*

## PATENTSPRONO KUN FLEKSEBLA KOLO

Nenia falado malsuprenirante la ŝtuparojn.

Nenia disŝirado de la botoj kaj de la pantalonoj.

Post ĉiu premo la spronkolo revenas en sian iaman originan situacion.

La eltrovaĵo estas patentigita ĉe ĉiuj kulturŝtatoj.

Eksterlandaj patentoj estas vendeblaj.

Reprezentantoj ĉiulande dezirataj.

Ilustr. prezaroj ĉien per la forsendejoj :

Adolf. Muth, Nürnberg, Lichtenhofstr. — Germanujo.

Ludwig Dollatscheck, München, Galeriestr. — Germanujo.

Hans Kriebel, Dresden, Gneisenaustr. — Germanujo.

**Granda Marko**

**“ Ville de Paris ”**

## INKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

**Jules MIETTE**

102, Rue Amelot, PARIS-XI

**Liverantoj de Mustardo kaj Amelo al la Reĝo**

Laŭ privilegio

## J. & J. COLMAN

(Akcia Societo)

MANUFAKTURISTOJ DE

**MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO**

KAJ

**BRITA RIZFARUNO**

*108, CANNON STREET, LONDON*

*kaj CARROWWORKS, NORWICH* (Anglolando)

## Germana Esperanto-Librejo

Kœnigstrasse 19 **LEIPZIG** Kœnigstrasse 19

**LIVERAS**

*ĉiujn Esperantaĵojn, la plej belajn, vere arĝentajn Esperantistajn signojn*

KUN LA ENSKRIBO “ *ESPERANTO* ”

kiel pinglo, broĉo kaj butono, po $ 0.30

kiel manumbutonoj, po $ 0.75

*la multe ŝatatan kaj utilegan*

**Inkosorbilon ESPERANTO sen sorba papero**

po unu . . . . . . . . . $ 0.65

sendkostoj (eksterlande) . . . $ 0.25

**Sigelmarkojn aŭ tefaritajn**

po 50 ekz. . . . . . . . . $ 0.25

po 100 ekz . . . . . . . . $ 0.35

Afrankite

**HAVIGAS**

ĉiujn librojn, jurnalojn, muzikaĵojn k.t.p. Esperantistajn kaj diversnaciajn

**PERAS**

anoncojn ĉiaspecajn por ĉiuj germanaj gazetoj k. t. p. (tradukoj senpage)

**ESTAS LA DEBITEJO DE “ ESPERANTO ”**

(Oficiala Organo de U. E. A.)

**Por Germanlando**

POSTULU PREZARON

PRESEJAJ LITEROJ MAYEUR — **PARIS**

## ALLAINGUILLAUME, J. SALING & Cie

GRAVUR-FONDISTOJ — POSTEULOJ

**21, RUE DU MONTPARNASSE**

ĈIUSPECAJ LITEROJ KAJ VINIETOJ

Specialaĵo de SUPERLITERAJ SIGNOJ

Liverantoj de ĉiuj Esperantaj literoj kaj supersignoj uzataj ĉe la presejo de U. E. A. por la kompostado de ESPERANTO kaj ĉiuj Esperantaj presaĵoj.

| ROMANA | TIPOJ DIDOT | ITALIKA |
| --- | --- | --- |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 7 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Ĉefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 8 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Ĉefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 9 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Ĉefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 10 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Ĉefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |

$ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $

EGIPTA KORPO 8 N° 406

ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ ◆ Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ

## Por la Higieno de l'tualeto

(lavaĵoj, higieno de l'buŝo, la haŭto, lavado de suĉinfanoj, intima higieno)

**Oni nepre rekomendas**

COALTAR SAPONINE LEBEUF

BAYONNE (Francujo)

Kiun ĝiaj antisepcaj, deterŝivaj kaj cikatrigaj propraĵoj akceptigis ĉe la Parizaj Hospitaloj.

*En la apotekejoj — Atentu la imitaĵojn*

## Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Suisse)*

Vendas ĉiujn eldonajojn de U. E. A. kaj ĉiujn Esperantajojn (propagandiloj, lernolibroj, literaturajn kaj sciencajn, verkojn, k. t. p.).

**Oficialaj eldonajoj de U. E. A. :**

rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Deligitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,25 Sm. ; 10 ekz. 2 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 20 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,70 Sm.

*Oficialaj kovertoj.* Prezo, 100 ekz : 0,40 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj.* Prezo, 100 ekz. : 0,70 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Oni povas mendi la gvidfoliojn aparte.

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm. ; 50 ekz. : 1,50 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

PROPAGANDAJ BROŜUROJ EN NACIAJ LINGVOJ :

*Universala Esperanto-Asocio.* Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana, rusa* kaj *itala.* Eldonoj angla, kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda.*

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm ; 50 ekz. : 0,80 Sm ; 100 ekz. : 1,50 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Esperantio, Universala Esperantia Librejo,** 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo), Tamen, nacilingvaj propagandaj broŝuroj estas ankaŭ riceveblaj jenaj el la adresoj :

D-ro M. KANDT, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germana).

P. LINARES, Santo-Basilio, *Cordoba* (Hispana).

A. TELLINI, 12, Casella Postale, *Bologna* (Itala).

S. SZABUNIEWICZ, Mjasnickaja, d. Zimin, *Moskva* (Rusa).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj & Subdelegitoj. Ĉiuj aliaj personoj deva aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.